# ESPERANTISTO SLOVAKA

**N-ro 3/2004**

Socikultura kaj informa gazeto de skef

ISSN 1335-5031

Fondita en 1946 de Ernesto VÁŇA


## BONA HOMO ĈIE ESTAS BONVENA

**Vere bonaj homoj estas toleremaj kaj gastamaj homoj. Ili akceptas, ke aliaj homoj estas malsamaj. Vere bonaj homoj havas respekton kaj komprenon por tiuj, kiuj havas malsamajn ideojn aŭ opiniojn. Ili neniam vundos homojn pro iliaj konvinko aŭ kredo.**

**Vera, sana humanismo temas pri toleremo kaj gastamo.**

**Kiam la spontanea, evidenta gastamo anstataŭiĝas per iu speco de gastamo, kiu estas selekta kaj programita, tiam la gastamo ne bone fartas; tiam la mondo iĝas negastama sen hejme. La ejo, kie neniu sentas spontanea gastamo de vivindigas la mondon la vivo. Pro sia praktika homoj donacas al vi ĉiam pretas helpi al vi, simplaj homoj kaj repacigas nin kun filozofio, simplaj, bonaj ĝojon kaj kvieton. Ili sen atendi eĉ dankon!**




**Bonaj homoj ankaŭ estas senfine toleremaj. Kaj tio ege gravas, ĉar se la toleremo ne bone fartas, perdiĝos ĉiu homa kulturo. Pro manko de toleremo estiĝas granda nekompreno inter la homoj: ili kulpigas, ridindigas aŭ primokas unu la alian, kaj la disigo inter homoj pligrandiĝas.**

**Nia mondo estas unu granda renkontiĝejo de homoj. En tiu ĉi mondo, ni ĉiuj vivas kune kun kaj por la aliaj. El profunda respekto por la estado, la limoj, la eblecoj aŭ la maleblecoj de la alia, ni unue konstruu pli bonan kunvivadon, en kiu aprezo kaj respekto por la alia, kaj sekve toleremo kaj gastamo, estas gravaj valoraĵoj.**

*Levilkarto n-ro 4, julio - aŭgusto 1998*

## Enhavo



Abonpago

En la jaro 2004 la jarkolekto (kvar numeroj) por slovakoj kostas 150 Sk, por eksterlandanoj pro pli altaj sendokostoj 200 Sk. Tamen se iu emas per pli alta monsumo subteni la eldonadon, la redakcio tion akceptos kun dankemo.

Vi povas pagi per la poŝtpagilo kun la mencio „ES 2004“
al la adreso de la teknika redaktorino
(M. FEIFIČOVÁ, A. Bernoláka 25/5, 010 01 ŽILINA).
Laŭeble bonvolu sendi la informon pri la pago
al ŝia poŝta adreso
aŭ al ŝia retadreso <esperanto.fejfi@vud.sk>.

*Rekomendite estas sendadi komunan kelkpersonan pagon nome de tuta E-klubo - tiukaze bonvolu nepre sendi al la teknika redaktorino liston kun la nomoj kaj adresoj de la abonantoj.*

GRAVE: La unuan ĉijaran numeron
de ESPERANTISTO SLOVAKA ni sendis al ĉiuj,
kiuj abonis ĝin por la jaro 2003.
La postajn numerojn ni sendas nur al tiuj,
kiuj pagis la abonon por la jaro 2004.
Tiuj, kiuj pagos pli poste, ricevos nur la numerojn
poste eldonitajn.

La redakcio kore dankas al vi.

Pluaj abonantoj de *Esperantisto Slovaka* por la jaro 2004:

*Teodor ANDREAS, Košice; Helena MAUDROVÁ, Praha, CZ; Mária OHRABLOVÁ, Horná Streda; Pavol PETRÍK, Pečovská Nová Ves; Václav STIBŮREK, Benešov, CZ; Elena TERJUNG, Duisburg, DE.*

*Por la kontribuaĵoj de tiu ĉi numero ni dankas al:*
*Teodor ANDREAS, Peter BALÁŽ, Helga FARUKUOYE, Magdaléna FEIFIČOVÁ, Juraj GONDŽÚR, Tibor KEPENCAY, Alica KOMLÓŠIOVÁ, Pavol PETRÍK, Rastislav ŠARIŠSKÝ, Katarína STEELE, Mária TOMAŠOVIČOVÁ, Ján VAJS;*
*aliaj informoj estas transprenitaj el la Interreto.*

Fino de la redakta laboro: 16-09-2004
Eldonkvanto de la numero: 110 ekzempleroj

Redakta konsilantaro:
Ľubomír FAJTH *(ĉefredaktoro)*
Katarína STEELE
Rastislav ŠARIŠSKÝ
Magdaléna FEIFIČOVÁ *(teknika redaktorino)*
Magda ŠATUROVÁ *(lingva redaktorino)*

Adreso de la redakcio:
Ľubomír FAJTH
018 01 UDIČA - Prosné č. 161
tel.: 0907/486 866
*retpoŝto:* <esperantisto.slovaka@esperanto.sk>

La kontribuaĵojn por la n-ro 4/2004 ni atendas ĝis la 15-a de novembro 2004

## INĜ. VLADIMÍR NĚMEC

La esploristo **Vladimír NĚMEC** esperantiĝis en la jaro 1959. Li laboris en ŽILINA kiel redaktoro de la kluba bulteno *Informilo* (1971 - 1974), pli poste de bulteno *Raketo* (1975 - 1977). Li iniciatis en ŽILINA la seminarion (1978) kaj konferencon AEST - *Apliko de Esperanto en Scienco kaj Tekniko* (1981) kaj estis ilies ĉeforganizanto. En la jaroj 1978 - 1984 li prezidantis E-klubon ĉe Domo de Sindikatoj en ŽILINA. En la jaro 1972 en LANČOV li akiris diplomon de E-instruisto. Li instruis en E-kursoj en ŽILINA, KYSUCKÉ NOVÉ MESTO kaj en Someraj E-Lernejoj en JASOV kaj POPRAD. En PISANICA (Bulgario) kaj en POPRAD li prelegis por funkciuloj de E-organizaĵoj. Dufoje li prelegis enkadre de fakaj aranĝoj en BUDAPEŜTO (Hungario).

Ek de la jaro 1980 li estis ano de la Regiona komitato de Slovakia E-Asocio kaj en la jaroj 1983 - 1986 ties prezidanto. En la jaroj 1980 - 1990 li estis ano de la Centra Komitato de SEA kaj vicprezidantis ĝin en la jaroj 1983 - 1990. Por sia aktiva laboro en E-movado li estis en la jaro 1980 honorigita per bronza (en 1980) kaj arĝenta insignoj de SEA.

Kiel ano de E-klubo en ŽILINA li en la jaro 1979 fondis turisman aranĝaĵon *Turismaj Tagoj* - TUTA.

Vladimír NĚMEC estis verkisto. Li aperigis sep fakajn artikolojn, li estis kunaŭtoro de publikaĵo *Esperanto hodiaŭ* (Poprad 1985) kaj aŭtoro de E-lernolibroj *Ni parolas Esperante* (Poprad 1990) kaj *Esperanto, miksita metodo* (1992).

**Publikigitaj fakartikoloj:**

NĚMEC, V.: Ĝenerale pri tensio-tensoro. Scienca revuo n-ro 2, BEOGRAD, Jugoslavio, 1975.

NĚMEC, V.: Priservaj subrutinoj de la periferio en la operaciad-sistemo. Seminario AEST ŽILINA, 1978.

NĚMEC, V.: La subrutino de eligiloj en la operaciad-sistemo por regado de teknologiaj procezoj. La unua simpozio pri komputiko, RENNES, Francio, 1981.

NĚMEC, V.: Program-sistemo CONEL (Apliko de komputiloj). Prelegkolekto el la konferenco AEST, ŽILINA, 1981.

NĚMEC, V., GERA, J.: Perkomputila prilaboro de asocia membro-registro (Apliko de komputiloj). Prelegkolekto el la konferenco AEST, ŽILINA, 1981.

NĚMEC, V.: Eniga priserva subrutino de la datum-vidigilo SM 7202 en la operacia sistemo MOS 1S. Mikrokomputiloj, periferioj kaj aplikoj. Prelegkolekto de la konferenco INTERKOMPUTO, BUDAPEST, 1982.

DOLEJŠÍ Š., NĚMEC V.: ISAN 2 - programsistemo por projekto de duonklientaj integro-cirkvitoj. Prelegkolekto de la konferenco INTERKIBERNETIK, BUDAPEST, 1985.

**Aliaj publikigaĵoj:**

KOŠECKÝ S., NĚMEC V., ZVARA M.: Esperanto dnes. Príručka pre zväzových funkcionárov, POPRAD, 1985.

**Lernolibroj:**

NĚMEC, V.: Ni parolas Esperante. Lernolibro por konversaciaj kursoj. POPRAD, 1990.

NĚMEC, V.: Esperanto, miksita metodo. 1992.

## FINO DE DANUBO

**Trairita vojo de la projekto laŭ la landoj**

| Etapo (lando) | Dato | Tagoj | Trairitaj km-oj |
|---|---|---|---|
| Germanio I | 19. – 25. 4. 2000 | 5 | 579 |
| Germanio II | 6.5. 2004 | 1 | 57 |
| Aŭstrio | 7. – 10. 5. 1998 | 4 | 416 |
| Slovakio – Hungarujo | 29. 4. – 4. 5. 1999 | 6 | 586 |
| Hungarujo – Kroatio | 28. 4. – 4. 5. 2001 | 6 | 423 |
| Serbio – Bulgario | 13. – 20. 4. 2002 | 8 | 948 |
| Rumanio | 17. – 26.4. 2003 | 5 | 500 |
| Sume | | 35 | 3 509 |

La turisma kaj biciklista sekcio de SKEF finis la multjaran projekton **Laŭlonge ĉe DANUBO**. La lasta unutaga etapo okazis la **6-an de majo 2004** kaj kondukis el germana urbeto NIEDERALTEICH ĝis la urbo PASSAU. La etapo estis longa 57 km. Ĝi komenciĝis sur la maldekstra riverbordo de DANUBO frumatene post tutnokta vojaĝado en aŭtomobilo el Slovakio. La vetero estis tre malbona. Pezaj nuboj pendis super la tero kaj de tempo al tempo pluvis. Malgraŭ tiu fakto la esperantistoj biciklis sur bona biciklista vojo en verda lando. La vilaĝoj estis pitoreskaj kaj puraj, kampoj zorgeme kultivitaj**.** En al vilaĝo FLINTSBACH la partoprenantoj vizitis Muzeon de Briko kaj Kalko**.** La muzeo estas interesa kaj ĉiuj ekspoziciaĵoj estas zorgeme purigitaj kaj konservitaj. Ĉe la pramo en civito SANDBACH ni vidis slovakan ŝipon *Trenčín*. Parto de la ciklovojo kondukis ankaŭ sur publikaj komunikvojoj, sed biciklistoj estas preferitaj ol aŭtomobiloj kaj vojmarkoj zorgas pri ilia sekureco**.** Antaŭ la urbo PASSAU jam pluvegis. Je la valbaraĵo ni trairis sur la dekstran riverbordon de DANUBO. Por ni estis interesa laboro de ŝiplevilo. Per tiu ekipo ŝipoj superas kelkmetran altecdiferencon inter surfacoj antaŭ kaj sub valbaraĵo. Sub la ponto en centra parkejo jam atendis nin akompana aŭtomobilo. La lasta tempo de la tago estis dediĉita al trarigardo de la urbo PASSAU. La plej interesa estis Domo de S-ta Stefano. Antaŭ vespero ni tendumis ĉe la kunfluo de riveroj ILZ kaj DANUBO.

Per tiu ĉi etapo finiĝis projekto, dum kiu esperantistoj - biciklistoj trairis tutan vojon de DANUBA FONTO en DONAUESCHINGEN (Germanio) ĝis DANUBA DELTO (Rumanio). Tuta longeco de la vojo estis 3 509 km.

Dum sep jaroj bazan parton de la partoprenantoj kreis: **Ján KRESÁK, Jana MITAŠOVÁ, Renata STAŇOVÁ, Ján VAJS kaj Miroslav VALÁŠEK,** kiuj partoprenis je ĉiuj etapoj.

## Trarigardo de la partoprenantoj kaj trairitaj kilometroj

| Etapo/Nomo | DE I. | DE II. | AT | SK-HU | HU-HR | CS-BG | RO | Kune |
|---|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. KRESÁK Ján | 376 | 31 | 417 | 598 | 422 | 703 | 285 | 2 832 |
| 2. MITAŠOVÁ Janka | 376 | 31 | 417 | 598 | 422 | 688 | 285 | 2 817 |
| 3. PROCHÁZKA Pavel | - | - | - | - | - | 750 | - | 750 |
| 4. STAŇOVÁ Renata | 520 | 57 | 417 | 598 | 422 | 718 | 308 | 3 040 |
| 5. ŠKUTA Vladimír | 579 | - | - | - | 422 | 764 | 344 | 2 109 |
| 6. VAJS Ján | 432 | 57 | 417 | 598 | 422 | 776 | 384 | 3 086 |
| 7. VAJS Róbert | - | 57 | - | - | - | - | - | 57 |
| 8. VAJSOVÁ Beata | 432 | - | 417 | - | - | - | - | 849 |
| 9. VAJSOVÁ Zuzka | - | 57 | - | - | - | - | - | 57 |
| 10. VALÁŠEK Dano | 371 | - | 417 | 598 | 422 | - | - | 1 808 |
| 11. VALÁŠEK Miro | 492 | 57 | 417 | 598 | 422 | 728 | 378 | 3 092 |
| 12. VALÁŠKOVÁ Marcelka | - | 57 | - | - | - | 679 | - | 736 |

*Jano VAJS*

## ESPERANTISTOJ EN SLOVAKA PARADIZO



Enkadre de la projekto **Dek du monatoj - dek du montopintoj** okazis la 18-an de julio 2004 jam la sepa Esperanta okazaĵo. Dek esperantistoj el tri slovakaj kluboj vizitis unu el la plej belaj kaj pitoreskaj montaroj SLOVAKAN PARADIZON. La turisma okazaĵo komenciĝis en SPIŠ-regiono en la civito HRABUŠICE. De tie la partoprenantoj vojaĝis en najbaran turisman bazon PODLESOK, kie estas komenco de kelkaj turismaj vojetoj. Ĉe la parkejo staris prizorgantoj, kiuj enkasigis krompagojn. Por unu persono estas 20 kronoj. La supreniro kondukis tra profunda karsta kanjono SUCHÁ BELÁ. Mallarĝa valo kun altaj ŝtonaj deklivoj kaj kun rapida rivereto ne estus trairebla sen diversaj helpaĵoj. Danĝerajn lokojn oni povas trairi per tabulpontetoj, eskaloj kaj specialaj ŝtupoj. La kanjono ne estas longa, sed paŝado enen estas tre komplika. Ĉe la eskaloj muĝas akvofaloj kaj la lignaj pontetoj estas glitaj. La vetero estis bona kaj varma, pro tio ĉiuj ŝvitis. Sinjorino MINICHOVÁ montradis interesajn florojn, kiuj estas tipaj nur por tiu ĉi montaro. Belaj rokegoj pintiĝis rekte en bluan ĉielon. En rokegoj estis videblaj nigraj truoj - enirejoj en malgrandajn grotojn. La turistoj tagmanĝis sur montodorso en alteco 960 m super la maro. Do, diferenco inter la montodorso kaj elirejo en PODLESOK (555 m super la maro) estas 410 m.

En la montfendego SUCHÁ BELÁ estas verda turisma marko kaj al la montodorso kondukis nin ruĝa turisma marko ĝis turisma centro KLÁŠTORISKO (744 m super la maro). Ĉi tie estas restoracio kaj somera bufedo kun „nekristanaj" prezoj: unu biero po 39 slovakaj kronoj. Nomo KLÁŠTORISKO signifas slovake ejo, kie staras monaĥejo. Junuloj sub gvido de docento SLIVKA faras arkeologiajn elfosaĵojn kaj renovigas objektojn de estinta monaĥejo. El preĝejo staras nur muroj, sed unu monaĥa ĉelo estas kompleta. Aliajn objektojn de la monaĥejo iom post iom renovigas studentaj volontuloj. Por turistoj ĉi tie kreskas nova interesa objekto kaj oni malkovradas plurajn nekonatajn ĉapitrojn el slovaka historio.

Per dekliva vojeto esperantistoj descendis al breĉo de rivero HORNÁD. Tiu ĉi geografia interesaĵo ĝis la jaro 1906 estis al homoj nekonata. Oni ĝin trairis la unuan fojon en tiu jaro dum vintro, kiam estis la rivero glacikovrita kaj somere ĝin transflosigis. Por turistoj ĝi estis alirebligita antaŭ kelkaj jaroj. Trairado trans la riverbreĉo estas vere pinta turisma aventuro. Turistoj iras ne nur sur turismaj vojetoj en arbaro, sed ili descendas kaj supreniras per diversaj eskaloj kaj ŝtuparoj pendigitaj sur perpendiklaj rokegoj super la rivera surfaco. Dum kelkaj momentoj trairanto ne rigardis sub siaj piedoj kaj ne spiris. Ĉio estas ornamita per belega naturo. Fine de la riverbreĉo banadis grupo da junaj ciganoj. Ili estis feliĉaj kaj salutis nin. En tiu momento mi ekmemoris la vortojn, kiujn skribis al mi esperantisto Peter PAVÚK, kiu estis organizanto de tiu ĉi turisma entrepreno: „Pro tio, ke en SLOVAKA PARADIZO estas problemoj kun ciganoj, mi ne povas organizi turisman renkontiĝon". Do, bona elturnaĵo. Fino de la sukcesa kaj bela turisma entrepreno okazis en trinkejo en HRABUŠICE, kie ni paceme trinkis malmultekostan bieron kun ciganoj.

*Dum sep ascendoj enkadre de la projekto „Dek du monatoj - dek du montopintoj" partoprenis el unuopaj kluboj:*

| | Klubo/lando | Partoprenantoj | Supreniroj |
|---|---|---|---|
| 1. | Bratislava | 5 | 10 |
| 2. | Ĉeĥio | 2 | 2 |
| 3. | Handlová | 1 | 1 |
| 4. | Japanio | 1 | 1 |
| 5. | Kysucké Nové Mesto | 1 | 6 |
| 6. | Košice | 3 | 3 |
| 7. | Liptovský Mikuláš | 15 | 34 |
| 8. | Partizánske | 2 | 2 |
| 9. | Poprad | 1 | 1 |
| 10. | Žilina | 9 | 17 |
| Kune | 10 kluboj | 40 | 77 |

*Jano VAJS*




Surbaze de la iniciato de ESO, okaze de la kvina datreveno de morto de nia fama esperantista verkisto **Eduard V. TVAROŽEK**, renkontiĝis sabate la 7-an de aŭgusto 2004 en la Nacia Tombejo en MARTIN Magdaléna FEIFIČOVÁ, Irena HROMADÍKOVÁ, Alica KOMLÓŠIOVÁ, Jana ŠŤASTNÁ, Mária TOMAŠOVIČOVÁ kaj Anna TOMÁŠKOVÁ. Ili metis la florojn ne nur sur lian tombon, sed ankaŭ sur la tombojn de aliaj famaj esperantistoj: pentristo Martin BENKA, muzikisto Ján VALAŠŤAN-DOLINSKÝ kaj redaktoro de Esperantisto Slovaka Ľudovít IZÁK.

## JUBILEA 60-A IJK EN RUSIO
(BUNTA SEMAJNO EN ESPERANTIO)

**Inter la 10-a kaj la 17-a de julio 2004 okazis jubilea 60-a IJK (Internacia Junulara Kongreso) en rusa regiono Vladimir (ĉ. 300 km oriente de MOSKVO), en arealo de porinfana refreŝiĝa centro *Berjozka* apud urbo KOVROV. Kongresa temo estis: Internacie June Kune. Kaj ĝi vere meritis tiun nomon. Ĉeestis ĉirkaŭ 360 gejunuloj el 27 landoj. Kaj programo? Bonega!!!**


Koncert-spektantoj

**La plej granda problemo estis manko de tempo - kiam samtempe okazis pluraj interesaj, gravaj programeroj. Por mi ekzemple estis tre malfacile samtempe ĉeesti TEJO-kunsidon, kie mi prezentis SKEJ-on kiel petanton iĝi landa sekcio (LS) de TEJO kaj samtempe (sed aliloke) devis prizorgi administrajn aferojn por „flugil-seminario".**

**Ja je enuo certe neniu povis plendi. Mi volas ankaŭ esprimi mian dankon al tuta organiza teamo, kiu vere mirige zorgis pri ĉio kaj ege helpis al la flua trapaso de la IJK.**

**Mia ĉeesto havis du partojn: a) ripozan kaj b) laboran. Kio okazis kaj kion enhavis ĉiu el ili?**

**a) Ripoza (amuziga): revido de malnovaj amikoj (vere multaj) kaj ekkono de novaj (ankaŭ abundis) * ioma malkovro kaj observado de rusaj kulturo, konduto, lando, pensmaniero * lernado de rusaj dancoj J * ĉeesto je la teatra festivalo, koncertoj, teo-ceremonio, diskotekoj…**

**b) Labora: administra helpo por la porinstruista seminario *Flugiloj de malfacila vento*, kun aktiva ĉeesto * ĉeesto de la TEJO-kunsidoj, kun propra prezento de SKEJ kiel onta LS de TEJO kaj sekve mia envicigo inter la komitatanojn A * ĉeesto je la**

***Festivalo de kulturoj*** **- reprezentinte Slovakion * prezento de faka sekcio de TEJO - E@I kaj ĝiaj projektoj.**



**Ambaŭ partojn mi strebis kontentigi kaj ĝuste plenumigi. Tempo ja mankis por ambaŭ, sed tion ni verŝajne ne povos eviti dum ĉi-specaj aranĝoj. Tamen mi sukcesis ĉe ĉiuj eroj: seminario sukcesis kaj interesigis homojn * SKEJ fariĝis LS de TEJO * mi iĝis komitatano A de TEJO * prezento de Slovakio sukcesis (kelkaj eksciis pri malgranda lando en la koro de Eŭropo novaĵojn, kelkaj aŭdis pri ĝi unuafoje).**

**Bonega afero de ĉi-jara IJK estis aktiva ĉeesto de partoprenantoj. Oni ludis en teatraĵo, kantis, prelegis, prezentis... kaj tiel kunkreis la programon. Ankaŭ la rusa kulturemo (kantemo, ludemo) tre helpis al IJK estiĝi unu el la plej bonaj ĝis nun.**

**Kion ankoraŭ aldoni? Eble nur unu: ĉi-specaj aranĝoj havas tian etoson (elkreatan de partoprenantoj mem), kiun ĉeestantoj ne forgesas la tutan jaron kaj ĝi restos en iliaj koroj „enpikita" poreterne. Kaj se iu el ili hazarde komencos dubi pri la ideo de Esperanto, sufiĉas, se ŝi/li denove (almenaŭ en rememoroj) vizitos IJK-n.**

**Unu gravaĵo je la fino: venontjare la 61-a IJK okazos en pola urbo ZAKOPANE - ege proksime al Slovakio. Mi esperas, ke ni revidos nin tie kaj pligrandigos slovakan ĉeestantaron de IJK.**


Mi kaj Lenin

***P.S.: Neniu zorgu pri onia aĝo - animstato gravas, ne enskribdato en via naskiĝlisto! Krome - ankaŭ ĉi jaran IJK-n vizitis gesamideanoj ĉirkaŭ ekde tri ĝis sepdek jaroj.***

*Peter BALÁŽ <petro@ikso.net>*

## SEMAJNO PLENA DA ESPERANTO

En la tagoj **ek de la 14-a ĝis la 21-a de aŭgusto 2004** okazis en **BRATISLAVA** kvar aranĝoj kun partopreno de ducento da esperantistoj el ĉiuj kontinentoj krom Antarktido.



Partoprenantoj de la tuttaga ekskurso antaŭ la katedralo en TRNAVA
Fotis: M. FEIFIČOVÁ

La plej granda el ili estis la **77-a kongreso de SAT**, kies partoprenintoj diskutis pri politikaj kaj sociecaj problemoj. Sennacieca Asocio Tutmonda mondligas kelkajn politikajn ondojn maldekstrajn de mezo. Ĝi programece ne rigardas la naciajn limojn kaj ligiĝas je neniuj nacioj. Esperanton ĝi uzas kiel komunikilon. Ĝia plej granda ago estas eldono de **Plena Ilustrita Vortaro** - la plej granda (50 mil kapvortoj) esprimdifina E-vortaro. Honora partoprenintо de la bratislavaa kongreso estis s-ano Miroslav ZÁVODSKÝ, slovaka peranto de ĉi organizaĵo. Siajn prelegojn (inter la aliaj prelegintoj) prezentis Martin MINICH (Pri la kongresurbo BRATISLAVO), Magda ŠATUROVÁ (El la historio de E-movado en BRATISLAVA), Jozef REINVART (Lingva situacio kaj problemoj de la plilarĝigita Eŭropa Unio - ŝanco por Esperanto) kaj Ján VAJS (Slovakia agrokulturo sojle al Eŭropa Unio).

Dum marda vespera programo prezentiĝis la folklora ensemblo *Červené jablčko* (Ruĝa Pometo), prezentanta kantojn, dancojn, muzikon kaj popolajn kutimojn de la regionoj de Liptov, Myjava, Šariš, Trenčín kaj Terchová. La teatra grupo de ESO BRATISLAVA plenumis originalan skeĉon de E. V. TVAROŽEK *Kesto da venenaj serpentoj* laŭ motivo de A. GORDON. Geinfanoj MAJSTOROVIĆ el BEOGRADO prezentis hejmajn kantojn. Aŭstraliaj samideanoj prezentis verketon de la aŭstralia esperantisto Trevor HOLTON, montranta, kiel estas traktataj rifuĝintoj en Aŭstralio. La vespero finiĝis per slovakaj kaj mondkonataj muzik- kaj kantverkoj fare de pianistinoj Anna RÉNYIOVÁ kaj Vilma LICHNEROVÁ, violonistino Veronika ŠUTÁ, esperantisto Miroslav SMYČKA, opera solisto el ÚSTÍ N/LABEM kaj soprana kantistino Karin VARKONDOVÁ, solistino de Slovaka Nacia Teatro, kiu, kvankam neesperantistino, kantis du slovakajn popolkantojn en bela Esperanto.

Instruistoj uzantaj Esperanton renkontiĝis en sia **37-a ILEI-konferenco**. Ties honora partoprenintino estis D-rino Magda ŠATUROVÁ el BRATISLAVA. Gravan organizan surlokan laboron plenumis Jana MELICHÁRKOVÁ el Ĉeĥio. Unu el la celoj de la Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj estas evoluo de la interkonsento inter la nacioj.

Enkadre de ĉi konferenco proksimume deko da interesuloj subiĝis al la **internaciaj lingvaj ekzamenoj**. Elinter slovakaj ekzamenitoj ni povas gratuli al Ľubomír FAJTH, kiu sukcesis en baza ekzameno, kaj al Peter BALÁŽ, Viliam BÚR kaj Magdaléna FEIFIČOVÁ, kiuj sukcese plenumis postulojn de la meza nivelo. Bedaŭrinde, Martin MINICH, malgraŭ ke li estas unu el niaj plej bonaj E-parolantoj, pro multegaj organizaj taskoj ne sukcesis partopreni la Antaŭteston, do sekve ne rajtis plenumi la skriban kaj parolan partojn de la ekzameno mem.

Dimanĉon la **15-an de aŭgusto** je la 8-a horo okazis en la evangelia preĝejo en Radničné-placo **Ekumena diservo en Esperanto**, kiun kuncelebris husita pastro Juraj Jordán DOVALA, katolika pastro Albrecht KRONENBERG kaj evangelia pastrino Daniela HORÍNKOVÁ.

Vendredon la **20-an de aŭgusto** inter la 14-a kaj 18-a horoj okazis enkadre de ILEI-konferenco en la Baza kaj Gimnazia Lernejo de S-ta Vincento de Paul en Bachova-strato **Lingva Festivalo,** kiu inter dudeko da diversaj lingvoj prezentis tiel ekzotikajn lingvojn kiel malagasan, romaan, hebrean, japanan, ĉuvaŝan lingvojn kaj surdulajn signolingvojn. La eniro estis libera, la prelegoj estis tradukataj en slovakan lingvon, kaj tiamaniere la scivolaj bratislavanoj, kiuj partoprenis ilin, povis sperti praktike la eblecojn de Esperanto.

Interesuloj elinter la partoprenintoj de ambaŭ aranĝoj komune partoprenis **ekskursojn**. La tuttagaj gvidis al TRENČÍN - PIEŠŤANY - TRNAVA, aŭ al MODRA - ČERVENÝ KAMEŇ - PEZINOK aŭ al la montaro de MALÉ KARPATY. La duontagaj ekskursoj gvidis al GABČÍKOVO (Danuba kanalo kaj Danubiana - galerio de moderna arto), DEVÍN (la burga ruino) kaj al JASLOVSKÉ BOHUNICE (atomcentralo). Memkompreneble, en kvar grupoj oni dimanĉe trarigardis ankaŭ la historian centron de BRATISLAVA.


Fama ČUMIL ( Gapanto) el BRATISLAVA
Foto: M. FEIFIČOVÁ

**Organize** ĉiujn aranĝojn prizorgis la firmao KAVA-PECH de Petro CHRDLE el Ĉeĥio kune kun anoj de ESO. La partoprenintoj loĝis parte en la hotelo *Bratislava* en la bratislavaa urboparto RUŽINOV, kiu samtempe estis ankaŭ kongresejo, parte en studenta hejmo *Lafranconi*.

La **4-an de aŭgusto** okazis la **gazetara konferenco**, kiun partoprenis reprezentantoj de la landa novaĵagentejo *TASR*, de televido *TA3*, *Markíza*, kaj kelkaj aliaj. Sekve dum tuta semajno en gazetoj, televidoj kaj radioj multfoje aŭdiĝis la informoj pri kurantaj programeroj kaj Esperanto mem. Por tiu grandioza sukceso apartenas danko al Rastislav ŠARIŠSKÝ, kiu tiel eminente sukcesis engaĝigi la ĵurnalistojn kaj komunikilajn laboristojn en ĉi Semajnon plena da Esperanto.

*Mi ankaŭ eniris la organizan teamon, krome subiĝis al la ILEI-ekzamenoj;*
*tiamaniere vendredon je la deka vespere mi nur povis miri, kien ĉiuj perdiĝas,*
*kiam mi fine ekhavas tempon por kongresumi...*

*FEJFI*

**EŬROPA IDENTECO MALLONGE**

1. Homo estas socia estaĵo (socio estas minimume du personoj, se ili evoluigas reciprokan konfidon kaj komunan kredon).
2. Homo kontentigas sian sociemon en multaj socioj (grupoj), kiel familioj, amikaj rondoj, societoj, lokaj komunumoj, vilaĝo aŭ urbo, regiono, popolo, religio, ktp., samtempe.
   Ĉiu el la grupoj evoluigas socian (grupan) identecon (komunajn celojn, elementojn de samtipa konduto, komunajn ceremoniojn, folkloraĵojn kaj kulturon, elektas sian gvidantaron…).
3. Unuopulo en sia vivo aliĝas al novaj kaj forlasas malnovajn grupojn (familion, en kiu oni naskiĝis, oni forlasas kaj fondas la propran aŭ plurajn proprajn, el unu urbo oni translokiĝas al la alia kaj oni ŝanĝas sian lokan apartenon, aŭ eĉ la religion aŭ patrujon - foje pro transloĝiĝo, foje pro tio, ke oni forprenas ĝin de ni (ekzemple post militoj…).
4. Identecojn de forlasitaj grupoj oni ne perdas (post fondo de la propra familio oni ne ĉesas esti membro en sia naskiĝfamilio, post forlaso de la patrujo kaj iompostioma akcepto de la nova oni ne forgesas la malnovan…), kvankam la grado de la aparteno iome malfortiĝas.
5. El tio sekvas, ke estas normale al la jam ekzistantaj identecoj aldoni novajn, kiaj ekzemple estas la eŭropa identeco. Kun la alpreno de nova identeco oni ne forviŝas la malnovajn (ekz. popolan, regionan, religian, ktp.).
6. La ĉefa signo de identeco estas lingvo (se ni akceptas, ke ĉiu varianto de lingvo aŭ dialekto estas aparta lingva sistemo). Ekz. publikloke ni parolas la lernitan nacian lingvon, en sia vilaĝo ni parolas regionan aŭ lokan dialekton, en strata bando ni parolas bandan slangon, en familio ni parolas familian varianton de la loka dialekto, kun etaj infanoj ni parolas varianton de infana lingvo, kun handikapita infano ni parolas adaptitan lingvon, kiun ĝi kapablas kompreni, ktp.).
7. Lingvo havas du samgravajn bazajn funkciojn: la komunikan kaj la identecan. Kiam tiuj du funkcioj konfliktas inter si, pli gravas la identeca funkcio (ofte ni intence parolas sian minoritatan lingvon, kvankam ni scias, ke oni ne komprenas nin, ĉar tiam la celo ne estas komuniki, sed montri sian apartenon).
8. Nova identeco nepre necesigas la ekziston de nova identeca lingvo, kiu estas diferenca de ĉiuj aliaj, ĉar ĝi devas esti neŭtrala. Tiu lingvo signas la novan apartenon (eŭropan). Tiun lingvon devas akcepti

apartenatoj de la nova komunumo emocie (ne nur racie) kiel sian, ili devas havi emocian rilaton al ĝi. Kaj tio estas ebla nur, se por ĉiuj apartenantoj de la nova komunumo ĝi estas la sama, sed diferenca de ĉiuj aliaj. Koncerne la eŭropan lingvon la angla ne povas fariĝi identeca lingvo, kvankam ĝi jam servas kiel komunika lingvo, kaj ĝi ne povas kontribui al la evoluigo de eŭropa identeco, ĉar la eŭropa identeclingvo devas esti neŭtrala rilate al ĉiuj membroj (la angloj kaj irlandanoj ne rajtas esti privilegiitaj) kaj ĝi devas nepre diferenciĝi de identeclingvo de Usono, ke Eŭropanoj estu fieraj pri siaj valoroj, kaj ke sian fieron rilate la apartenon ili montru parolante sian kaj ne amerikan lingvon. Kompreneble, ke la identeca lingvo transprenos ankaŭ la rolon de la komunika.

9. Neŭtralan lingvon oni povas akiri je tri manieroj:
   a. Elektante nacian lingvon, kiu apartenas al neniu el la popoloj, kiuj aliĝas al la nova komunaĵo, ekz. la araban. Tian solvon oni elektis en ekskoloniaj landoj, kiel la angla en Bharato (Hindujo) aŭ Niĝerio, la franca en iuj afrikaj landoj, ktp.
   b. Elektante iun el la mortaj lingvoj, kiujn oni povas revivigi, sur kies bazo elkreskis historie eŭropa kulturo, kiaj estas la latina aŭ la malnovgreka. Tian solvon elektis israelanoj, kiam la mortan hebrean ili renovigis kaj 'revivigis'.
   c. Elektante iun el la novlatinidaj lingvoj, kiujn iniciatis lingvistoj aŭ iuj movadoj, kiel Esperanto (kiu evoluigis dum sia pli ol 100-jara historio apartan kulturon kaj lingvan trezoron). Tian solvon oni elektis en Indonezio kaj en kelkaj aliaj polineziaj landoj (Bahasa indonesia estas lingvo, kiun baze de malaja lingvo ellaboris lingvistoj reguligante plane la gramatikon meze de 1950-aj jaroj kaj tiun lingvon nun uzas 200 milionoj da homoj).

**Sovetunio kaj Jugoslavio ne konsciis pri la identeca rolo de lingvo kaj ili klopodis evoluigi sovetan respektive jugoslavan identecon uzante la lingvon de la plej granda popolo, kiu ja servis kiel komunika lingvo, sed ne povis esti akceptita kiel lingvo de komuna identeco, ĉar ĝi ne estis neŭtrala.** Tial ili ne sukcesis evoluigi komunan novan identecon. En kriza tempo tio estis sortoporta kaj esence influis al la disfalo de tiuj plurpopolaj ŝtatoj.

Sen solvo de tiu problemo Eŭropa Unio disfalos okaze de la unua pli grandskala ekonomia aŭ politika krizo.

*Asocio por Eŭropa Konscio MARIBOR*
*Besednjakova 1, tel. 02/42-00-669, retpoŝta adreso: <zlatko.tisljar@siol.net>*
*Slovakia Esperanta Junularo - SKEJ <skej.esperanto.sk> (ASTO)*

## NOVA PREZIDENTO DE AŬSTRIO SUBTENAS ESPERANTON

D-ro Heinz FISCHER, kiu fariĝis prezidento de Aŭstrio, estas multjara subtenanto de Esperanto.




Li unue interesiĝis pri politiko, kiam li aŭdadis siajn gepatrojn diskuti pri la Dua Mondmilito kaj la nazia okupo, parolante antaŭ li kaj lia fratino en Esperanto. En siaj infanjaroj li kreskis en VIENO dum la nazia okupo, kaj la angoron de siaj gepatroj li spertis dum tiu periodo. Pro tio, li diris, kontraŭtotalismo estis „stampita" sur lin.

*„Mia patro kaj mia patrino estis entuziasmaj esperantistoj"* skribis d-ro FISCHER al la Universala Kongreso de Esperanto en VIENO en 1992-a, kies Honora Protektanto li estis. Ankaŭ tiutempe li estis prezidanto de la aŭstra parlamento. *„Mi ĉiam tre admiris la ideon de la popolinterliga lingvo Esperanto"*, li skribis.

*„Rimarkinda pri Esperanto estas ne nur la genia lingvokreaĵo kaj la lingvistika atingo, sed ankaŭ la humanisma kaj popolintegriga ideoj de la lingvo, ĉar ĝi baziĝas sur la prava supozo, ke homoj emaj paroli unu kun la alia ankaŭ kapablas solvi problemojn pli bone. Tiel do komuna lingvo, enhavanta elementojn de gravaj kulturlingvoj, signifas grandiozan progreson kaj nun, kiel antaŭe estas dezirinde, ke tiu ideo venku kaj ĝi gajnu novajn adeptojn, kaj ne nur memoriĝu kuntekste de la historio de la laborista movado, sed estu konsiderata kiel koncepto por la 21-a jarcento"*, li skribis.

D-ro FISCHER estas membro de la Aŭstria Socialista Ligo Esperantista, kiu havas ligojn kun la Sociala Demokrata Partio de Aŭstrio. ASLE estis fondita post la mondomilito de la forpasinta d-ro Franz JONAS, kiu mem poste fariĝis prezidento de Aŭstrio. En 1970 d-ro JONAS flue festoprelegis en Esperanto, kiel Alta Protektanto, en la Inaŭguro de la 55-a Universala Kongreso en VIENO.

D-ro FISCHER estis ankaŭ multjara prezidanto de la aŭstria filio de Naturamikoj, kies oficialaj lingvoj estas la germana kaj Esperanto. En Esperanto ili eldonas la magazinon *La Migranto*. Ili celas turismon akordiĝeman kun la medio, sociale efikan regionan evoluadon, kaj aktivan mediedukadon, kaj ili proponas datumbankojn pri ekologikonscia veturado, kaj pri la gastejoj de Naturamikoj.

Dum la prezidanta balotkampanjo, lingvokapablo fariĝis vigla temo en Aŭstria Radio. La kontraŭulo de d-ro FISCHER, Benita FERRERO-WALDNER, estas tradukisto, kaj ŝi fanfaronis pri sia kapablo paroli kvinlingve, kio ebligus al ŝi paroli kun ŝtatestroj de 101 landoj en unu el iliaj oficialaj lingvoj. Iom ironie, ili diris, d-ro FISCHER scipovas nur la germanan kaj la anglan.

Do kion nuntempe opinias d-ro FISCHER pri Esperanto? Al Aŭstria Esperanto-Junularo dum la balotkampanjo li skribis: *„Intertempe, la angla fariĝis la plej multe konata dua lingvo de EU, sed ĉu ĝi estontece fariĝos oficiala, estas ankoraŭ tute neklare, kaj tio dependos de la akcepto de la individuaj membroj. Tamen en la antaŭenigo de Esperanto mi vidas ĉiukaze sencon, kaj mi ankaŭ tre ĝojus se ĝi fariĝus pli signifa sur la eŭropa nivelo"*.

*„Pro tio ankaŭ mi bonvenigas plifortigon en la antaŭenigo de Esperanto en Aŭstrio, por ebligi veran ŝancon por tiu lingvo en unuiĝinta Eŭropo"*, li konkludis.

*Transprenita el informservilo <ĝangalo.com> (ASTO)*

## ESPERANTISTINO MARGARETA HANDZLIK EL BIELSKO-BIALA (SILEZIO-POLLANDO) EN EŬROPA PARLAMENTO

*Karaj, dankEGon por la gratulsalutoj okaze de mia elekto al Eŭropa Parlamento, kiujn mi ricevas ĉiuhore. Ili venas de samideanoj el tuta mondo. La intereso pri mia persono nun fariĝis pli granda ol mi povis imagi. Dankegon al vi ĉiuj. Pro multego da mesaĝoj mi ne kapablas detale respondi al ĉiu. Jen la komuna letero, en kiu mi provos respondi al starigitaj ĝeneralaj demandoj.*

**Mi:** Mia nomo estas Malgorzata HANDZLIK, esperantistoj nomas min Margareta.

Mi estas edzino de Georgo HANDZLIK - la esperanta kantisto, verkisto, eldonisto kaj instruisto. Esperanton mi parolas 20 jarojn. Mi vizitis UK-ojn en BERLINO kaj MONPELIERO, krome multajn lokajn aranĝojn. Dum du monatoj mi kun mia familio estis en Brazilo invititaj de gesinjoroj GRATTAPAGLIA, el *Bona Espero*. Mia TTT-paĝo estas <www.malgorzatahandzlik.com>.

**Politiko:** Mi neniam agis en politikaj partioj. Nur dum la kampanjo mi aliĝis al Civitana Platformo (Platforma Obywatelska). En Eŭropa Parlamento mi agos en la plej granda frakcio de EPP - Eŭropa Popola Partio. Kelkaj samideanoj skribis, ke mi estas la unua esperantisto-membro de Eŭropa Parlamento. Mi ne kontrolis tion. La kampanjon ni faris dum du monatoj kaj mi gajnis unu el la plej bonaj rezultoj en la lando.

**Esperanto por Eŭropa Unio:** Dankon por sugestoj, ke mi zorgu en EP pri Esperanto. Tio evidente estas unu el miaj intencoj. Por efikdone agi mi nun volas aliĝi al la Komisiono pri Kulturo, Edukado, Junularo kaj Sporto, kiu inter la aliaj okupiĝas pri lingvoj. Tio fakte ne estas facila tasko, ĉar estas multaj volontuloj al la komisiono. Kaj la decido apartenas ne nur al la parlamentano, sed ankaŭ al la partio.

Krom salutoj venis al mi kelkaj mesaĝoj kun proponoj kunlabori internacinivele pri kulturo, ankaŭ venis al mia retadreso kelkaj gratuloj al Civitana Platformo pro elekto de esperantistino al EP. Mi prezentos ilin al la estroj de la partio, eble tio subtenos miajn strebojn eniri la Komisionon pri Kulturo.

Krom Esperantaj amikoj en ĉiuj eŭropaj landoj mi havas aliajn kompetencojn por la Komisiono pri Kulturo, Junularo, Edukado kaj Sporto, pro la jenaj faktoj: jam dudek jarojn mi gvidas radion * mi fondis instituton por instrui instruistojn, * mi fondis lingvo-lernejon * mi profesie laboris en skolta movado.

Mi estos danka por ĉiu mesaĝo kun propono kunlabori sur kultura kampo internacia. Se mi eniros la Komisionon pri Kulturo mi havos realan ŝancon pledi por Esperanto. Tiam volonte mi diskutos kaj renkontiĝos kun ĉiuj, kiuj havas spertojn pri lobingo por Esperanto ĉe EP.




*Sincere Margareta HANDZLIK, eŭrodeputito*

*La gazeteton **INTER NI** iniciatis en majo 1986 kun la helpo de aliaj **Harry LEWIS**. Ĝi estas neformala, amatora afero kun la kotizo kovranta la kostojn. Ĉiumonate en tri aŭ kvar paĝoj oni legas diversspecajn artikolojn pri diversaj temoj. Oni rajtas kontribui kion ajn por informi aŭ distri, sed ne apartigi la legantojn. En la unua numero Harry LEWIS klarigis: **„Ni prezentos literaturaĵojn, ŝercojn, enigmojn kaj novaĵojn rilate al Esperanto, sed por krei efikan interkomunikilon la pli granda parto de la enhavo devos veni de la grupanoj mem. Ni deziras plibonigi kontaktojn kaj rilatojn inter ĉiuj grupanoj, fakte inter iu ajn, kiu interesiĝas pri Esperanto."***




La unuaj grupanoj loĝis en la halifaksa regiono kaj ĉeestis lokan konversaci-cirklon. Ni neniam deziris fariĝi klubo kun oficoj kaj kotizoj. Tial la gazeteto ne fariĝis kluba organo. Iom post iom ni allogis novajn partoprenantojn de tiuj kanadanoj kaj eksterlandanoj, kun kiuj ni deziris partigi nian komunan interesiĝon kaj agadon. La legantaro ankoraŭ restas eta, sed ĝi nun disvastiĝas tra la tuta mondo, eĉ en fora Mongolio, kie loĝas nia plej nova kontribuanto. Se mi rajtas iomete fanfaroni, la enhavo de nia gazeteto ofte estas tre interesa. Dum la jaroj ni jam ricevis interesegajn kontribuaĵojn de diversaj homoj, kaj ni lernis multon pri diversaj temoj. Ni diskutis aferojn inter ni kaj, eĉ se ni ne ĉiam konsentas unu kun la alia, ni ĉiam emas respekti aliajn vidpunktojn. La legantaro estas tro eta por nomi sin komunumo, sed ni havas komunan interesiĝon, kio estas komunikado kaj interkompreniĝo pere de la internacia lingvo.

*Bob WILLIAMSON, redaktoro*
<bob.williamson@ns.sympatico.ca>

## MI DEZIRAS AL VI SUFIĈE DA...



**Mi deziras al vi sufiĉe da suno por daŭrigi helan sintenon.**
**Mi deziras al vi sufiĉe da pluvo, ke vi pli valortaksu la sunon.**
**Mi deziras al vi sufiĉe da feliĉo por daŭre vivigi vian animon.**
**Mi deziras al vi sufiĉe da doloro, ke la plej etaj ĝojoj de la vivo aspektu pli grandaj.**
**Mi deziras al vi sufiĉe da profito por kontentigi vian esperon.**
**Mi deziras al vi sufiĉe da malprofito, ke vi pli alte taksu tion, kion vi posedas.**
**Mi deziras al vi sufiĉe da salutoj por ebligi vin toleri la lastan adiaŭon.**

*Anonima en la reto – esperantigo de Steĉjo*

## ĈION, KION MI DEVAS SCII, MI LERNIS DE LA ARKEO DE NOA

§ **Ne maltrafu la boaton.** *(anglalingva esprimo, kiu signifas: ne estu malfrua)*

§ **Ne forgesu, ke ĉiu estas en la sama boato.** *(ĉiu el ni havas la samajn problemojn)*

§ **Planu antaŭe; ne pluvis tiam, kiam Noa konstruis la arkeon.**

§ **Restu sana; tiam, kiam vi atingas 600 da jaroj, iu eble petos, ke vi faru ion vere grandegan.**

§ **Ne aŭskultu al la kritikantoj, nur faru tion, kio necesas.**

§ **Konstruu vian futuron sur alta tero.**

§ **Pro la motivo de sekureco vojaĝu duope.**

§ **Du kapoj estas pli bonaj ol unu.**

§ **Rapideco ne ĉiam estas avantaĝo; la helikoj estis surŝipe kune kun la gepardoj.**



§ **Tiam, kiam vi estas stresita, flosu portempe.**

§ **Memoru, ke la arkeo estis konstruita de amatoroj; la *Titanic* estis konstruita de profesiuloj.**

§ **Memoru, ke pegoj interne estas pli granda minaco ol la ŝtormo ekstere.**

§ **Ne zorgu pri la ŝtormo; tiam, kiam vi estas unu kun Dio, ĉiam ĉielarko atendas.**

*Ed HARLER*

## LINGVA PROBLEMETO

**Instruistino pri la franca lingvo klarigis al sia klaso, ke substantivojn en la franca, malkiel en la Esperanta, oni gramatike difinas kiel viraj aŭ inaj. *Domo* en la franca estas ina (*la maison*). *Krajono* en la franca estas vira (*le crayon*). Scivolema knabo demandis: „Kiun genron havas *komputoro*?” La instruistino ne sciis. Do, por ekzerco ŝi dividis la klason en du grupojn, sufiĉe konvene laŭ sekso, kaj petis, ke ili decidu, ĉu *komputoro* devus esti vira aŭ ina substantivo. Ambaŭ grupoj devis doni kvar kialojn por iliaj rekomendoj.**



**La grupo de viroj decidis, ke komputoroj certe devus havi inan genron** (*une ordinateur*)**, ĉar:**

- § Neniu krom ilia kreinto komprenas ilian internan logikon.
- § La propra lingvo, kiun ili uzas por komuniki inter si, estas nekomprenebla al ĉiuj aliaj.
- § Eĉ la plej etajn erarojn ili konservas en longdaŭra memoro por ebla posta retrovo.
- § Tuj post kiam oni promese ligas sin al unu, oni konstatas, ke oni elspezas duonon de la salajro por akcesoraĵoj.

**Tamen, la grupo de virinoj konkludis, ke komputoroj devas havi viran genron** (*un ordinateur*)**, ĉar:**

- § Por kapti ilian atenton oni devas doni al ili la povon.
- § Ili havas grandajn datumarojn, sed ili ankoraŭ estas sensciaj.
- § Ili devas povi helpi vin solvi problemojn, sed duontempe ili ja estas la problemo.
- § Tuj post kiam oni promese ligas sin al unu, oni konstatas, ke se oni nur iom atendis, oni jam povus akiri pli bonan modelon.

## BONHUMORIGAJ PENSOJ

§ Ĉiuj advokatoj akiras malbonan reputacion nur por la agoj de 99 % el ili.

§ Mi eĉ mortigus por akiri pac-premion de Nobel.

§ Morgaŭ planu, ke vi estos pli spontanea.

§ En la poŝto fakturoj vojaĝas duoble pli rapide ol ĉekoj.

§ 42,7 % el ĉiuj statistikoj estas laŭbezone plukitaj el la aero.

§ Ĉu ateisto povas aĉeti asekurecon kontraŭ „agoj de Dio"?

§ Mi opinias, ke kvin el kvar homoj trovas frakciojn malfacilaj.

§ Mi ne havas bonan solvon, sed mi admiras vian problemon.

§ Se metala fajfilo estas farita el metalo, el kio oni faras nebul-hupon?

§ Ĉu laboristoj ĉe firmao *Lipton* (mondfama te-vendisto) paŭzas por trinki kafon?

§ Sur formularon por akiri aŭtomobil-kondukpermesilon oni devas priskribi la harar-koloron. Kion tutkalvulo skribu?

§ Se hodiaŭ la temperaturo estas nulo, kaj morgaŭ estas duoble pli malvarma, kio estos la temperaturo?

§ Kial gluaĵo ne fiksas sin al la interno de la botelo?

§ Deprimiga penso: sepono de via restanta vivo okazos dum lundoj.

§ Bona konscienco povas esti pruvo de malbona memoro.

§ Mi havas fotil-similan memoron; tamen al mi mankas filmo.

§ Diligenteco rekompencas en la estontaĵo. Tamen, pigremo rekompencas nun.

§ Nevivantaĵoj estas en unu el tri kategorioj: 1. tiuj, kiuj ne funkcias; 2. tiuj, kiuj rompiĝas; 3. tiuj, kiuj perdiĝas.

§ Nenio estas tiel simpla, ke oni ne povas ne kompreni.

§ Mi ne estas konfuzita, nur tro bone miksita.

§ Kritikanto estas iu, kiu scias la vojon, sed ne povas veturigi la aŭton.

§ Kilometroj ne estas tiel longaj kiel mejloj, tial vojaĝu laŭ kilometroj kaj ŝparu benzinon.

*Ni nun ekzamenu la kazon de Esperanto.*
*Char la kvin chapelliteroy estas specife Esperantay,*
*chiu mashino uzos por ilin aperigi iuyn funkciayn klavoyn.*
*Tamen, se oni uzos la NHA (Novan Help-Alfabeton), estos iom malsame.*
*Anstatau la supersignitay literoy estos uzatay au simplay literoj*
*(ĝ = j; j = y; kaj ankau ŭ = u, en aŭ = au; sed ŭ = w en ŭa)*
*au iuy digramoy (ĉ = ch; ŝ = sh; ĵ = zh; ĥ = kh).*
*La simplay literoy*
*necesigos la saman au nur la duonan kvanton de klavimoy.*

*André ALBAULT, 2000-08-15*

## NEFERMITA LETERO AL S-ANO ANDRÉ ALBAULT

**Estimata D-ro ALBAULT: Lastatempe mi ricevis de vi ekzempleron de *TREFO*, bulteno favora al nova helpalfabeto, por kiu mi tre dankas. Malgraŭ la stranga ortografio, plenplena de literoj kiaj „*y*" kaj „*w*" kaj kun troabundo da literoj „*h*" mi povis legi preskaŭ ĉion. Tamen mi tute ne komprenas, kial vi deziras ŝanĝi la ortografion kaj tordi la aspekton de nia bela lingvo.**

**Kial vi kontraŭas supersignojn? Laŭ mia scio ĉiu eŭropa lingvo (jes, eĉ la angla) havas supersignojn kaj aliajn kromsignojn. Ĉu la franca, la germana, la pola, la dana lingvoj ankaŭ ŝanĝu la ortografion? Kial ili faru tion? Ĉu nia literaro estas la precipa obstaklo, pro kio la tuta mondo ankoraŭ ne adoptis Esperanton? Povas esti multaj kialoj, sed mi ne povas kredi, ke nia alfabeto estas unu el ili.**

**Se ni ŝanĝus la ortografion de Esperanto, ĉu ne fariĝus arkaikaj la miloj da libroj, pri kiuj Esperantujo tiom fieras? Certe ne helpus la disvastiĝon de nia lingvo, se varbotoj eltrovas, ke nia juna kaj relative malgranda lingvo jam havas du alfabetojn. Stabileco de nia lingvo tre gravas, kiel rekonis la fruaj Esperantistoj, kiuj konceptis la neceson de neŝanĝebla fundamento.**

**En la ĉefartikolo de *TREFO* numero 4a, vi parolis pri „xskribo, fuŝskribo". Kiel vi, mi abomenas uzon de la litero**

**„*x*" en Esperanto, kaj plejparte mi rifuzas legi tian tekston. Ikso-kodo estas por maŝinoj, ne por homoj. Se homoj deziras legi en Esperanto tekston, kiu estas enkodita per iksoj, ili unue esperantigu ĝin. Ĉiu moderna tekstigilo povas tion fari en nur ono de sekundo.**

**Tamen, la elektronika reto estas ankoraŭ juna. Ĝis nun, en la plej ofta kaj simpla metodo por sendi literojn, nombroj super 128 estas nepermesataj. Do oni povas fari la taskon per nur 7 bitoj. Pro tio, kiam litero estas nombro pli granda ol 128, oni sendas duoblan literon. Mi sendas „*g^*"-n. Homoj, kiuj nun revizias P.I.V., sendas „*^g*"-n. Homoj ĉe UEA sendas „*gh*"-n. Aliaj homoj sendas „*ĝ*"-n. Fakte ne multe gravas, ĉar maŝinoj ĉe ilia ekstremaĵo de la drato povas facile elkodigi. La maŝinoj facile legas kaj manipulas ĉiujn kodojn, kaj ni havas programojn por legi kaj presi esperantbele la vorton „*ĝi*". Esperantistoj tute ne devas legi la kodojn, ĉu duariajn, ĉu duoblaliterajn.**

**Eĉ la bagatela problemo pri duoblaj literoj estas nur provizora. Jam multaj programoj faras ĉion, kaj la uzanto tute ne devas eĉ pensi pri nurmaŝinaj aferoj. Baldaŭ (antaŭ dek jaroj) unikodo (16-bita kodo) fariĝos la normo, kaj ni povos per ĝi facile sendi ĉiujn eblajn kromsignitajn literojn (kaj ankaŭ milojn da nelatinaj skribsignoj). Mi esperas, ke ni ne devas ŝanĝi la ortografion de Esperanto nur por komplezi dum kelkaj jaroj la elektronikan reton.**

**Do, mia nekompreno restas. Kial vi deziras ŝanĝi la aspekton de nia presita lingvo? D-ro ALBAULT, vi estas unu el la plej eminentaj kaj respektataj homoj en Esperantujo. Vi estis akademiano kaj Prezidanto de la Akademio de Esperanto. Vi faris multe por Esperanto, kaj la historio rekonos vian grandan kontribuon al nia lingvo. Estas mistero al mi, ke vi nun proponas tute nenecesan reformon.**

**D-ro ZAMENHOF kreis por ni belan lingvon kun bela alfabeto. Kial oni dezirus ŝanĝi ĝin?**

*Respektoplene Steĉjo NORVELL*




## NEFERMITA RESPONDO AL S-ANO STEVENS NORVELL

Vi miras kaj vi demandas! Tio honorigas vin, ĉar ĉiu homo devus miri pri io nova, kaj ĉefe, demandi, kiam li ne aŭ nur parte komprenas.

Vi ja komprenis la tekstojn de *TREFO* kaj honeste tion agnoskis.

Nia asocio (TRENHA = **T**radicia **E**speranto, **N**ova **H**elp-**A**lfabeto) ja rekomendas uzi la Zamenhofan alfabeton **ĉiufoje, kiam tio eblas**. Sed uzi la trian alfabeton aŭ Novan Help-Alfabeton (NHA) en la kazo, kiam tio ne eblas. Vi certe scias, ke en la Fundamento ZAMENHOF donis al ni la duan alfabeton, nome la Fundamentan Help-Alfabeton (FHA), kiu ŝanĝas ĉiun ĉapelon al posta *„h"*, sed rekomendas uzi ordinaran *„u"* anstataŭ la signa *„ŭ"*! Nu! NHA kaj FHA (Fundamenta Help-Alfabeto) similas: *„ch"* kaj *„sh"* identas kaj ambaŭ uzas ordinaran *„u"* anstataŭ signa *„ŭ"*! Pli NHA estas „sub-aro" de la Internacia Ortografio, kiun kaj UN kaj ISO komencas uzi. Do la cetero estas plej internacia... kaj konata de ĉiu anglolingvulo.

Tio signifas, ke ni konsilas al la esperantistoj uzi la NHA-n **sur la reto** kaj sekve havigi al nia lingvo alfabeton konforman al la mondaj normoj, sed ne al niaj kapricaj ideoj. Do: NE! Ni ne deziras ŝanĝi la presitan aspekton de nia lingvo. Sed JES! Ni deziras ŝanĝi la retan aspekton de nia lingvo, kiu

similas tiel al kameleono: ĉiu esperantisto kaprice uzas alian skribmanieron...

NE post dek jaroj, sed tuj, ĉar UNICODE bezonis 30 jarojn, por ke la homoj iom konatiĝu kun ties nomo: ĝi bezonos aliajn 30 jarojn por ĝeneraliĝi. Poste ĝi restos nealirebla al multaj simplaj esperantistoj...

Notu, ke ĉiu lingvo faras tion, kio ŝajnas bona por ĝi sur sia teritorio. Sed se vi demandas, kial ni ne farus same sur la nia, mi devus respondi, ke nia teritorio estas la mondo. Sekve ni ne estas la mastroj!

La ĉefa obstaklo kontraŭ la esperantistoj estas ili mem. Ili opinias sin solaj en la mondo. Ili rigardu kaj vidu la realon!

Sinjoro NORVELL, kredu min! Ni devas armi nian lingvon per nova (ho! parte nova!) alfabeto. Mi ne vidos la sukceson de tiu entrepreno, sed vi, pli juna kaj pli vigla, vi ja povos ĝin vidi!

Nia lingvo tamen valoras sufiĉe, por ke ni klopodu iomete favore al ĝia estonteco.

Supren la koroj!

*D-ro André ALBAULT, 2001-05-02*

## *Komentario pri la respondo*

*Mi estas tre dankema al D-ro ALBAULT, ke supre li bele klarigis la projekton de la „Nova Help-Alfabeto". Mi tute ne komprenis, ke ĝi estas alfabeto nur por la elektronika reto kaj neniel minacas la Zamenhofan ortografion de nia skribita kaj presita lingvo.*

*Malgraŭ lia pravigo, mi dubas, ke la NHA estos tre utila en la reto. Mi estas inter tiuj, kiuj rete uzas kaprican skribmanieron: miaj ĉapelitaj literoj („c^", „g^", „h^", „j^", „s^" kaj aŭ „u~„ aŭ „u") estas tuj rekoneblaj, se oni dezirus senpere legi, kaj estas facile transformigi ilin al tradiciaj literoj per simpla makroo de iu ajn tekstigilo. Tiu ĉi lasta kaj grava avantaĝo ne troviĝas en la NHA, miaopinie.*

*Steĉjo NORVELL*

## NI DAŬRIGU LA DISKUTON, SE VI PERMESAS

**Per makrooj eblas transformi tekston en FA al teksto en NHA kaj denove transformi tiun por reveni al la FA. La transformoj estas tute kaj plene ĝustaj; la komenca kaj la fina tekstoj estos centprocente identaj. Eĉ kun ne ŝanĝotaj propraj nomoj kiaj CHURCHILL, SHAKESPEARE…**

*André ALBAULT*

*La periodaĵo „Veterinary record" (Veterinara Registro) estas grava kaj respektata brita ĵurnalo de veterinara medicino. Tamen, en 1972 aperis (vol.90, paĝoj 382-385) en ŝajnserioza stilo leĝera artikolo fare de D. K. BLACKMORE, B.Sc., Ph.D., F.R.C.V.S, D. G. OWEN, M.Sc. kaj C. M. YOUNG, Vet.M.B., M.R.C.V.S.*
*La titolo estis:* Iuj rimarkoj pri la malsanoj de Brunus Edwardii (nova specio).
*La scienca nomo, kreita de la britaj aŭtoroj, estas iom anglisma kaj spegulas la oftan anglan nomon por pluŝurso „Teddy Bear". „Teddy" estas karesnomo por „Edvardo". „Bear" estas „urso". Ĉi tie ni ne plu diskutos la devenon de la nomo.*

## MALSANOJ DE PLUŜURSOJ

**La dorlotbestoj ekzistas en multaj landoj kaj estas konataj per diversaj nomoj. Tamen, la aŭtoroj opiniis, ke la specio estas fakte sama en ĉiuj mondpartoj. Unu atesto pri tio estas, ke jen kaj jen oni sukcesis grefti gambojn, brakojn, eĉ kapon, de unu besto al alia.**



**La aŭtoroj eltrovis, ke 63,8 % el britaj domoj estas enloĝataj de unu aŭ pli da pluŝursoj kaj estas forta korelativeco inter la nombro de pluŝursoj kaj la nombro de infanoj en iu domo. La aŭtoroj provis ekzameni 1 598 pluŝursojn kaj akiri detalajn klinikajn antecedentojn; tamen ili ne povis ekzameni unu pluŝurson pro karanteno de la domo (la posedanto suferis rubeolon).**

**La aŭtoroj ankaŭ streĉis en infanvartejoj kaj malsanulejoj por infanoj en la regiono de Londono kaj trovis 539 diversajn partojn, ofte en malbona stato. Post purigo kaj greftado de la partoj ili sukcesis restaŭri entute 136 pluŝursojn. Restis unu dekstra orelo, kiun ili konservis en likva nitrogeno por eventuala estonta uzo.**

**Ili ekzamenis ĉiun specimenon ekstere pri stato de la felo, pri eblaj membromankoj, pri la stato (kaj eble mankoj) de la okuloj kaj oreloj. Ili ankaŭ taksis la staton de la remburaĵo kaj notis iun ŝiron en la felo kun liko de rembura ŝtopaĵo. Ili ankaŭ psikologie ekzamenis la bestetojn, precipe per taksado de la vizaĝmienoj, ĉu la etaj kreaĵoj aspektas feliĉaj.**

**Tre ofta malsano de la studitaj pluŝursoj estis alopecio aŭ haromanko. La precipa kaŭzo de la alopecio ŝajnis esti troa frotado. Ĉar la plej haromankaj pluŝursoj estis ankaŭ inter la plej feliĉaj (laŭ observitaj mienoj), la aŭtoroj konkludis, ke alopecio ĝenerale respegulas la kvanton de amo inter infano kaj urseto.**

**Ofte observita, sed ne klinike grava malsano estis streĉo kaj plilongigo de unu brako, la rezulto de longdaŭra metodo de transporto.**

**Unu pluŝurso suferis strangan strabismon. Atenta ekzameno malkovris, ke ĝi perdis unu naturan okulon kaj iu nesperta riparinto penis anstataŭigi ĝin per ŝubutono.**

**Unu besteto suferis tordon de la nuko kaj mankon de unu brako. Enketo pri la kaŭzo indikis, ke tiu estis rezulto de disputo inter du infanoj pri posedrajtoj.**

**Unu pluŝurso suferis sindromon de saturita orelo. Oni sukcesoplene resanigis la dorlotbeston per purigo de la orelo kaj milda sekigo en varma loko super la forno.**



**Kelkaj pluŝursoj suferis psikologian malsanon. La plimulto el tiuj loĝis solaj en polvoplenaj ŝrankoj kaj subtegmentaj fatrasĉambroj. Studo de tiu grupo montris, ke preskaŭ ĉiam la kaŭzo estis neglekto. La maturiĝanta infano ial perdis intereson iom post iom pri la pluŝulo. Estis tutklare, ke tiuj ursetoj suferis pro manko de atento kaj amo. La aŭtoroj rekomendas tujan adoptigon de la urseto al infano, kiu povas ami ĝin, kiel la plej bona solvo. Ili asertas, ke „pluŝurso sen amo estas nefeliĉa pluŝurso”.**

**La aŭtoroj nesurprize konkludas, ke la kuracado de malsanoj de pluŝursoj estas ĝuste ne la fako de veterinara medicino kaj ne en tiu de zoologiaj ĝardenistoj. Ili forte kondamnas la ideon, ke ĉiofarantoj kaj fuŝriparistoj rajtas diletanti en delikataj aferoj, kiuj vere bezonas profesiajn atenton kaj juĝon. Ili rekomendas tujan starigon de kurso pri malsanoj de pluŝursoj en ĉiuj veterinaraj fakultatoj.**

*Steĉjo*
*(laŭ la fotokopio de la originala artikolo de la veterinara ĵurnalo sendita pere de Marjorie BOULTON)*

## MIA KOMPUTORO

Laŭ la eminentuloj kaj lingvaj moŝtoj mi havas *komputilon*. Nuntempe tiu estas la oficiala termino por la granda kaj plejparte amikema aparato, kiu troviĝas sur mia skribotablo. Eble mi estas nur obstina maljunulo, sed fiksita en mia menso estas forta opinio, ke mi havas *komputoron*.



Mi povas bele *komputi* (laŭ nova P.I.V.: *komput/i* – kalkuli per aplikado de algoritmo, precipe per *komputilo*) per mia *komputoro*. Mi povas nombri, adicii, subtrahi, multipliki, dividi, trovi kubajn radikojn kaj diversajn potencojn, manipuli neimageble grandajn nombrojn, etajn nombrojn, negativajn nombrojn, ktp. Mi povas trovi primojn, faktorojn, faktorialojn kaj plej grandajn komunajn divizorojn. Ĝi ja estas mirinda elektronika meĥanismo por fari ĉiajn matematikajn taskojn.

Tamen, mia *komputoro* faras multe pli. Ĝi ne estas nur matematika maŝino. Mia *komputoro* estas mia informstaplo kaj informtrovigilo. Ĝi estas mia memor-helpilo, mia ordigilo kaj mia kalendaro kaj tagplanmontrilo. Ĝi ebligas min krei belajn programojn. Mia *komputoro* estas mia tekstigilo, mia helpanto, kiam mi deziras verki. Ĝi helpas min pensi kaj evoluigi kaj ordigi la pensojn. Per ĝi mi povas provskribi la ideojn, ŝanĝi kaj reŝanĝi, laŭplaĉe. Mia *komputoro* estas senfine pacienca kaj neniam juĝema pri miaj klopodoj kaj stumbloj. Ĝi estas asistanto, fidela amiko, kiu senplende atendas miajn ordonojn kaj nekredeble obeema (krom tre maloftaj esceptoj). Mia *komputoro* estas ankaŭ komunikilo ne nur por skribitaj leteroj kaj verkoj, sed ankaŭ por la elektronika poŝto kaj la Tut-Tera Teksaĵo, mia tuja fenestro al la mondo.

Do, mia *komputoro* ne estas nur unucela ilo por fari unu specon de tasko. Ĝi estas ĉiofaranto tre kapabla en multaj fakoj. Metafore, ĝi estas kunulo el oro. Mi ordinare ne ŝatas defii la Akademion, nek la PIV-vortaron, sed mi opinias, ke mi daŭre nomos mian aparatamikon „*komputoro*".

*Steĉjo*

*Kiu scios ĉiun ĝustan respondon sen helpo de vortaro, tiu estas geniulo...*

## ETA KVIZO KREITA DE MARJORIE BOULTON

1. ***LEONTODO*** estas: besto * pagana dio * planto * elemento * fiŝo.
2. ***L. L. ZAMENHOF*** estis: profesia lingvisto * rabeno * okulisto * advokato * forĝisto.
3. ***SKOMBRO*** estas: fiŝo * malsano * planto * aparato * saŭco.
4. ***VOLFRAMO*** estas: germana virnomo * metalo * biskvito * parto de velŝipo * kuir-herbo.
5. ***GEPARDO*** estas: jura termino * grimpanta planto * rapidkura katego * roko * speco de dancmuziko.
6. ***ESPERANTO*** aperis en la mondo en: 1900 * 1887 * 1878 * 1922 * 1897.
7. ***ALAŬDO*** estas: komplimento * citaĵo el alia verko * puriga pulvoro * honora parolado * birdo.
8. ***LEPORO*** estas: besto simila al kuniklo * planto kun oraj floroj * grava malsano * harararanĝo * metalo en ne tre valoraj juveloj.
9. ***PETROSELO*** estas: salo en roka formo * malgrandskala komerco * seĝo apud la pordo de Paradizo * marbirdo * kuira kaj garna herbo.
10. ***WILLIAM AULD*** estas: poeto * eseisto * redaktoro * tradukisto * verkisto de lernolibroj.
11. ***MUSONO*** estas: ilo ĉe komputero * azia vento kun pluvego * besto simila al muso sed pli granda * inspiranto de poetoj * parolo de katoj.
12. ***MALEOLO*** estas: parto de la kruro * tropika frukto * domo el branĉoj * ilo por enbati najlojn * oleo por masaĝo.
13. ***VESPERTO*** estas: malbona travivaĵo * flugilhava besteto * kristana diservo * pikanta insekto * parto de la tago.
14. ***KARMEZINO*** estas: araba plado * longa robo * sonorilo en templo * koloro * aŭstralia arbusto.
15. ***MORBILO*** estas: manĝebla bero * grava malsano precipe de infanoj * ilo de skulptisto * sekrecio en la korpo * fungo.
16. ***SAFRANO*** estas: afrika granda rano * ano de tribo en Mongolio * multekosta spicaĵo * flava frukto * speco de poemo.
17. ***PAPAGO*** estas: aranĝo en la Vatikano * transigo de mono al fremda banko * vira vesto mez-epoka * parol-kapabla birdo * ŝuo uzata sur glacio.
18. ***ORKADOJ*** estas: plantoj kun belaj floroj * persistaj demandoj * nordaj insuloj * muzikistoj en bestaj kostumoj * denthavaj cetacoj.
19. ***KRESPO*** estas: insekto * patkuko * brazila arbo * fungo * fritita terpom-peco.
20. ***RIBO*** estas: osto * ŝerco * frukto * haŭtmalsano * boateto por unu remisto.

*ĜUSTAJ RESPONDOJ:*

1. Planto. 2. Okulisto. 3. Fiŝo. 4. Metalo. 5. Rapidkura katego. 6. 1887. 7. Birdo. 8. Besto simila al kuniklo. 9. Kuira kaj garna herbo. 10. Poeto, eseisto, redaktoro, tradukisto kaj verkisto de lernolibroj. 11. Azia vento kun pluvego. 12. Parto de la kruro. 13. Flugilhava besteto. 14. Koloro. 15. Grava malsano precipe de infanoj. 16. Multekosta spicaĵo. 17. Parol-kapabla birdo. 18. Nordaj insuloj. 19. Patkuko. 10. Frukto

***Ĝi okazis de la 8-a ĝis la 15-a de majo 2004 en urbo SOPRON kaj estis aranĝita de du najbaraj landoj - Hungario kaj Aŭstrio. Partoprenis ĝin 193 kongresanoj el 20 landoj. Protektanto de la kongreso estis D-ro Tibor JÓZAN, direktoro de GySEV. Partoprenis ĝin ankaŭ nia franca samideano Georges WALLERAND, sed en rolo de la ĝenerala sekretario de FISAIC. Distingon Honora Membro de IFEF ricevis Gertrud EGGENBERGER, prezidantino de Svisa Fervojista E-Asocio. La kongreskurierojn lerte redaktis János PATAY kaj József CZIBOLY.***
***Ni rememoras pri la***

## 56-A IFEF-KONGRESO




Estrar-elekto: En la jaro 2004 finiĝis la trijara elektoperiodo de la estraranoj. Ĉar ne venis novaj proponoj pri kandidatiĝo, laŭstatute la nunaj estraranoj reelekteblis. Post la balotado konfirmiĝis en siaj postenoj Romano BOLOGNESI (IT) kiel prezidanto, István GULYÁS (HU) kiel vicprezidanto, Marica BRLETIĆ (HR) kiel sekretariino, Jean RIPOCHE (FR) kiel redaktoro de *Internacia Fervojisto*, Laurent VIGNAUD (FR) kiel kasisto.

Kotizkonfirmo por 2005: la kasisto proponis, ke la kotizo restu la sama - sep eŭroj.

Venontaj IFK-oj: por la 57-a Internacia Fervojista Kongreso s-anino Rodica TODOR oficiale invitis de la 7-a ĝis la 14-a de majo 2005 al la urbo BRAŞOV (RO). Por la 58-a IFK en la jaro 2006 anoncis sin Ĉinio kaj Francio. S-ro Georges Wallerand precizigis, ke nur la landoj - membroj de FISAIC rajtas organizi aranĝojn enskribitajn en la oficiala FISAIC-kalendaro pri aranĝoj. Tamen li sugestis permesi, escepte, Ĉinion kiel aranĝonton de la kongreso sen ankoraŭ esti membro de FISAIC, sed la fina decido apartenas al la ĝenerala kunveno de FISAIC. Se Ĉinio organizos IFK-on en 2006, Francio anoncas sin por 2007.

Venontaj IFES-oj: s-ano Marti Guerrero invitis partopreni Internacian Fervojistan E-Skisemajnon en LA MOLINA (ES) en Katalunaj Pireneoj de la 23-a ĝis la 28-a de januaro 2005. Por la jaro 2006 anoncis sin Bulgario.

Rilatoj al FISAIC: La retpaĝaro de FISAIC <http://www.uaicf.asso.fr/fisaic.htm> prezentas trilingve (france, germane kaj angle) la internaciajn kulturajn aktivaĵojn. Tiu retejo estas vizitata meznombre de okdek mil vizitantoj po monate. FISAIC proponis senpage uzadon de tiu retloko. Pri IFEF la ĝenerala sekretario de FISAIC s-ano WALLERAND proponas peri la informojn pri la kongresoj, programoj, aliĝkondiĉoj... Akcepto-paĝo en Esperanto estos kreita.

Rilatoj al UEA: la vicprezidanto informis, ke en Centra Oficejo de UEA estis elektita nova direktoro Osmo BULLER. Dum la UK 2004 en PEKINO okazu fervojista kontaktkunveno kun ĉeesto de almenaŭ ses IFEF-anoj. En la jaro 2005 la UK okazos en VILNIUS (LT), en 2006 ĝi okazos en FIRENZE (IT).

Resuma raporto pri la jarraportoj de landaj asocioj: ĝi montris ĉagrenan situacion - la averaĝa aĝo de la membraro altiĝas, ĉiam pli mankas la junuloj. Estas antaŭvidebla

la ĉeso aŭ funkcia paŭzo de kelkaj landaj asocioj. La Svisa landa asocio malfondiĝos fine de la jaro 2004. S-ro Ernst GLÄTTLI (CH) informis pli detale pri la decido de SAEF, kiu dum la jarkunveno la 3-an de aprilo 2004 decidis malfondi la asocion post multaj, senrezultaj iniciatoj trovi novajn kaj pli junajn posteulojn inter fervojistoj, kiuj povus daŭrigi la laboron de nuna maljuniĝanta estraro. Jarraportojn pri la jaro 2003 surbaze de la Demandilo ellaborita de la ĉefkomitatano Jindřich TOMÍŠEK (CZ) sendis 19 landaj asocioj.

Raportoj de la komisiitoj: S-ro Hubert PEYROUTY informis pri la 45-a IFES, okazinta de la 14-a ĝis la 21-a de januaro 2004 en ARGENTIÈRE (FR). Partoprenis 46 personoj el 9 landoj. S-ano István GULYÁS, komitatano „A" por IFEF ĉe UEA, raportis pri la UK de GÖTEBORG (SE), kiun partoprenis ĉirkaŭ du mil da partoprenantoj el 67 landoj. La fervojistan kontaktkunvenon partoprenis 40 gekongresanoj. La vicprezidanto parolis pri IFEF-agado, pri la estonta IFEF-kongreso, precipe pri tiu en Ĉinio.

Raporto de la redaktoro: Jean RIPOCHE (FR) raportis pri ses numeroj de *Internacia Fervojisto* eldonitaj en la jaro 2003 kun entute 96 paĝoj de diversaj verkintoj. István GULYÁS informis pri la reduktado da presotaj IF pro financaj kaŭzoj (estonte mil ekzempleroj).

Raportoj de la Faka Komisiono: s-ano Ladislav KOVÁŘ (CZ) raportis nome de la Fake Aplika Sekcio. Dum la pasinta jaro E-fervojista faka movado perdis gravajn personojn: s-anojn J. GIESSNER kaj H. HAUGE, kies meritojn sur tiu kampo ne eblas sufiĉe respondece pritaksi. La Komisiono ne eldonis novan Fervojfakan Kajeron (n-ro 12), ĉar mankis la materialo. S-ano Heinz HOFFMANN (DE) raportis nome de la Terminara Sekcio: Okazas paŭzo de terminologia laboro ĉe Internacia Fervojunio UIC. En la datumbanko de UIC ĝis dumil difinoj atendas tradukon en aliajn lingvojn, ankaŭ en Esperanton. Dum la lastaj monatoj multaj gekolegoj en Francio, Germanio, Italio kaj Rumanio partoprenis tiun traduklaboron. La rezulto estas pli ol 300 tradukitaj difinoj. Li ofertas, ke ĉiu, kiu disponas komputilon kaj deziras ricevi la difinojn, bonvolu informi lin, por ke li sendu - aŭ rete aŭ en disketo per normala poŝto - listojn laŭ la aktuala laborrezulto. Li eĉ kuraĝas instigi laboremulojn, kiuj deziras helpi sialandan fervojan entreprenon traduki difinojn el Esperanto en la nacian lingvon tie, kie troviĝas truoj en la nacia enhavo de la datumbanko. Tradukoj el nia lingvo estas pli rekomendindaj, ol tradukoj el la angla, franca aŭ germana versio, ĉar Esperanto-versio - kiel jam menciite - estas prilaborita laŭ difinad-reguloj.

Rememoroj: Laŭ la iniciato de s-ano Peter ZILVAR estis fondita Esperanto Kleriga Centro en la urbo HERZBERG APUD HARZMONTARO, en kiu nia ŝatata multaja IFEF-prezidanto Joachim GIESSNER longe vivis kaj agis kiel staciestro. La centro organizas altkvalitajn lingvokursojn. Unu ĉambro de la centro nomiĝas *Arkivo Joachim GIESSNER*. Tie estas kolektataj E-ĵurnaloj, inter alie la Internacia Fervojisto. Tiel la idealoj de Aĥim plue daŭros.

*FEJFI*

## KIAMANIERE ONI VIVAS FORE DE VI

### *La koloroj de Hindio*

La 8-an de aprilo 2004 aviadilo de *Thai Airways* alportis min kaj mian edzon Trevor al sudhinda urbo BANGALORO. Ni alcelis fakte Aŭstralion, kie ni intencas krei nian hejmon, sed Hindio estas pli-malpli survoje, kaj kiu kapablus rezisti al la eblo propraokule vidi ĉi-ekzotikan landon?

La „eblo" estis miakaze invito de esperantisto, s-ro Venkatesh REDDY. Li atendis nin en la flughaveno kaj de tiam ni pasigis kune amason da horoj. Ni klopodis transdoni al li niajn spertojn kaj konojn, li konatigas nin kun la hinda socio, kun la loka vivstilo, kutimoj. Sed ni ne venis por turismi! Nia anticipe interkonsentita tasko estis kaj restas - instrui Esperanton. Venkatesh simple donas al ni la nomon de loko, kien iri, la datojn - kaj ni ekigas niajn jam kutimajn 10-tagajn kursojn. Kutimajn, ĉar ĝis nun ili estis ses. Nur kelkaj niaj lernantoj estis plenkreskuloj, cetere temis plejparte pri geskoltoj 10 - 15-jaraj.


K. STEELE kun siaj lernantinoj

La entuziasmo estas granda, la infanoj scivolaj, lernemaj. La disdonado de la kursfinaj atestiloj iĝas plej ofte bela festo kun senfina fotado.

Ni estis intervjuataj de ĵurnalistoj, Trevor prelegis al sciencistoj, instruis komputilistojn. Per personaj kaj retaj renkontiĝoj ni konatiĝis kun la hindia E-movado kaj kun kelkaj ĝiaj reprezentantoj.

Ĉu estas paralelo inter ili kaj ni en Slovakio? La neinformado pri si! La unuopuloj laboras, okazas kursoj, eldoniĝas esperantaĵoj, aperas poeto - sed kial nur malmultaj scias pri ili?

Kaj kio imitindas? Verŝajne nia propra kazo - inviti ekzotikan instruiston, de kiu pro scivolo oni eĉ Esperanton akceptas!

Sed ni vidu ankaŭ kelkajn kolorojn de Hindio. Unue mi povis pensi nur pri la nigra kaj la blanka. La lando estas buntega, sed kun tiaj kontrastoj, ke mi subkonscie imagis nur la du plej kontraŭajn kolorojn. Jen tamen deko da ili.

### *Lingvoj*

La proksimume unu miliardo de hindoj ne parolas unu komunan hindan lingvon, sed multajn diversajn (kun diversaj skribaj formoj - alfabetoj). Ĉu vi aŭdis iam pri la kanadaa, tamila, urdua, malajalama? Ĉiu el ili estas parolata de pli da homoj, ol la slovaka! La vilaĝa popolo parolas kutime unu lingvon, sed la urbanoj ofte 3 - 5. Unu el ili estas la devige instruata hindua (celata kiel komuna tutlanda lingvo), alia la angla (en la sudo funkcianta kiel fakta interkomunikilo inter la diverslingva loĝantaro). Kaj ankoraŭ vivas la sanskrita, la prapatrino de multaj lingvoj, inter ili de la slovaka.

### *Haŭtkoloro*

En la suda Hindio malofte videblas alilanduloj, alirasanoj. Nia amiko eĉ en la rapide moviĝanta buso atentigis nin, kiam li por momento rimarkis sur la ekstera trotuaro blankulon. Despli surprize estis aŭdi, ke oni ja faras diferencon inter la homoj laŭ la haŭtkoloro. Ju pli hela ĝi estas, des pli „nobela" oni konsideras la homon. Onidire la industrio pri haŭtheligaj kosmetikaĵoj bone prosperas.

### *Junularo*

Niaj instruadoj okazis plejparte en lernejoj kaj la lernantaro konsistis preskaŭ nur el geskoltoj. Ek de la unua momento elstaris al ni la afabla scivolo kaj ĝentileco de la infanoj. Ne videblis klikoj, ne bando-gvidantoj, ne singravigo. En la lernejoj (kaj en skoltejoj) oni portas uniformon. Ekster tio la junuloj vestas sin aŭ en la tradiciajn vestojn (por la knabinoj ĝi estas la *ĉudidaro*, konsistanta el pantalono, longa bluzo kaj ŝalo), aŭ en ĝinzoj, T-ĉemizoj... Tamen, provokajn

vestaĵojn ni ne renkontis. Foje mi demandis 14-jaran knabon pri lia opinio rilate la knabinajn vestojn. Li voĉdonis por *ĉudidaro*.

***Interseksaj rilatoj***

Neniam mi vidis paron, ĉu amikan, ĉu geamantan, surstrate kisi. De tempo al tempo videblis paro tenanta sin per manoj. La lando de Kamasutro kaj de erotikaj skulptaĵoj sur la templaj turoj montras ekstere nenian seksan econ. Ĉiuj niaj hindiaj konatoj geedziĝis sen antaŭe koni sian estontan edzon - edzinon, la elekton faris iliaj gepatroj. Unu el ili konis sian elektiton - temis pri lia nevino, sed la 16-jara knabino eksciis pri sia edzinigo nur unu tagon antaŭ la geedziĝo.

Vidante la nuntempajn junulinojn retumi aŭ motorcikli meze de la densa urba trafiko mi anticipis, ke la 21-a-jarcentaj „amazoninoj", alte edukitaj, havante laborpostenon, finance sendependaj, ne plu enirus la feŭdecan geedzan jugon. Iam mi rekte demandis belan 16-jaran knabinon el bonstata familio, kun patrino posedanta Montessori-lernejon, kiam ŝi planas edziniĝi. *„Kiam mi estos 23-jara,"* venis la tuja respondo. *„Mia patro trovos por mi edzon."* Ŝi kaj poste kelkaj aliaj tute senemocie klarigis, ke la gepatroj pli bone povas juĝi kaj decidi ol ili, la junuloj, kaj certe ili elektos la plej bonan partneron.

***Hindoj, islamanoj kaj la aliaj***

Interreligiaj geedziĝoj ege maloftas. Neniu religia flanko volas ilin akcepti. Se du homoj kun malsamaj religioj tamen enamiĝas kaj volas kunvivi, unu el ili devas ŝanĝi sian religion al tiu de la alia (kutime de la viro). Sinmortigoj de geamantoj, al kiuj oni malpermesas geedziĝi, estas ne maloftaj.

***Sarioj***

*Sario* oni nomas la tradician virinan veston. Tradician - daŭre uzatan. Ĝin portas kuracistino, instruistino, sed ankaŭ inetoj, kiuj mane portas ŝtonojn ĉe konstruloko, kondiĉe, ke ili estu edzinoj. La vesto konsistas el du partoj: strikta, mallongmanika bluzo lasanta nekovrita la talion, kaj 4 - 8 metroj da proksimume 1,3 metrojn larĝa ŝtofo. La spertaj virinoj volvas la ŝtof-lavangon ĉirkaŭ la talion kaj metas trans la ŝultron. Elegante, ege virinece. La koloroj kaj ornamaĵoj tiom abundas, ke malgraŭ la unuspeca fasono la vestaro de la inoj montras senfinan variecon. Mi daŭre miras pri ĝi. Eĉ hindino kondukanta bovon ŝajnas en sia vesto kvazaŭ princino.

***La belulinoj***

Jam post nur kelkaj tagoj pasigitaj en BANGALORO mi konstatis, ke la ĉi-tieaj virinoj, kaj ankaŭ la viroj, havas belajn vizaĝtrajtojn. La bruneta - bruna haŭto, male al la blanka, kaŝas la eventualajn makulojn kaj malglataĵojn de la vizaĝo. Onidire la sudhindoj aparte elstaras en la beleco, sed neniun mi renkontis, kiu fiere pavumus. Kvazaŭ neniu konscius pri sia beleco aŭ ne konsiderus ĝin grava. La hararanĝo de la virinoj estas ege simpla, (ofte kun florĉeno), plej multas unu longa harplektaĵo. La ŝminkado de la vizaĝo apenaŭ praktikeblas - estas tro varme. Ĉu vi povas imagi vestolavistinon, kiu laboras en longa sario, sur la brakoj multaj braceletoj kaj en la haroj densa florĉeno el veraj floroj? Mi vidis tian!

***Uzu la manojn!***

Estis surprize, ke ĉi-tie oni manĝas sen uzo de manĝilaro (al eŭropa gasto oni tamen proponas kulereton aŭ forkon). Post du monatoj pasigitaj en BANGALORO okazis, ke mi eĉ ne rimarkis la forkon ĉe la telero kaj ekmanĝis helpe de miaj fingroj.

***Ĉili-papriko kaj pipro***

Oni diris al mi, ke en iu norda regiono de Hindio oni manĝas la krudan ĉili-paprikon sen ia ajn aldonaĵo. Kion mi mem spertis en la sudo estas, ke oni akre spicas preskaŭ ĉion. Aĉetu ĉipsojn aŭ sekajn arakidojn, sal-stangetojn, frititajn terpomojn, picon, supon en sako… Eĉ la infanoj matenmanĝas forte spicitajn manĝaĵojn. Terpomoj malofte uzatas, sed el rizo oni sorĉas multajn interesaĵojn.

***Bata***

Jes, ankaŭ en la kvartaloj de la sesmiliona Bangaloro videblas ŝu-vendejoj kun la nomo BATA. Iam oni amase uzis niajn ZETOR-traktorojn kaj nun ie-tie videblas ŜKODA-aŭtoj. Imagu: mi nenie renkontis MacDonalds!

*Katarína STEELE*

## LA 57-A KONGRESO DE IKUE EN KRETINGA, LITOVIO

**En la tagoj ek de la 3-a ĝis la 10-a de julio 2004 en litova apudmara urbeto KRETINGA kunvenis pli ol 150 katolikaj esperantistoj en la 57-a kongreso de IKUE. La partoprenantoj alvenis el 12 eŭropaj landoj. Mi estis la sola reprezentanto de Slovakio. IKUE-kongreso okazis por la unua fojo en Litovio, do la organiza teamo klopodis konatigi ĉiujn kongresanojn kun la kongreslando. Kulturaj programoj alternis kun la turismaj ekskursoj kaj kompreneble ne mankis ankaŭ spirita programo.**

**La solena malfermo de la kongreso okazis en la loka kulturdomo. La malfermon plibeligis la koncerto de ensemblo de maristoj, kiuj denove kantis ankaŭ dum la ekskurso en ĉemara urbo PALANGA.**

**Jam en unuaj tagoj la kongresanoj povis ĝui la lokan folkloron. En la kongresejo belajn litovajn kantojn kaj dancojn prezentis kelkaj lokaj folkloraj ensembloj kaj ili eĉ kantigis kaj dancigis ĉiujn kongresanojn.**


Folklora festivalo
Foto: Pavol PETRÍK

**La temo de la kongreso estis verso el la letero de la apostolo Paŭlo al Romanoj: *Venku malbonon per bono*. Al ĉi tiu temo aludis prelegoj dum la kongreso.**

**Ĉiumatene en la kongresejo okazis lecionoj de Cseh-kurso, kiujn tre lerte kaj amuze gvidis tre fama instruistino Ewa BONDAR el Pollando.**

**La unua ekskurso venigis kongresanojn al tre fama Zemaiciu-Kalvario, kiu nekutime konsistas ne el 14, sed el 20 stacioj kaj longas ĉirkaŭ sep kilometrojn. La kapeletoj de la Krucvojo situas ĉirkaŭ la vilaĝeto en tre bela regiono.**

**KRETINGA troviĝas nur 11 kilometrojn de la marbordo, do kompreneble dum unu tago ĉiuj kongresanoj vizitis ankaŭ tre popularan ĉemaran urbon PALANGA, kie oni povis viziti la faman Muzeon de Sukceno kaj promeni en tre granda apudmara parko kun belaj lagetoj.**

**La 6-a de julio estas granda nacia festo en Litovio - memortago de kronado de unusola litova reĝo. En la parko de KRETINGA okazis festivalo de diversaj litovaj folkloraj ensembloj kaj per sia programo en Esperanto kaj ĉeĥa lingvoj kontribuis ankaŭ junulara grupo de sinjorino Zdenka NOVOTNÁ el ČESKÁ TŘEBOVÁ.**

**Alian tagon ni vojaĝis al SILUVA, kie okazis la unua apero de Virgulino Maria en Eŭropo, kaj ni vizitis franciskanan monaĥejon en TYTUVENAI. La ĉefa celo de la ekskur-tago estis tre fama Montokruco apud SIAULIAI. En ĉi tiu loko troviĝas pli ol cent mil da krucoj kaj krucetoj. Ĝi iĝis simbolo de katolika kredo kaj rezisto kontraŭ soveta reĝimo dum komunisma periodo. Ĉiu vizitanto de la loko klopodas lasi tie kruceton.**


Krucmonto
Foto: Pavol PETRÍK

**La lasta ekskurso konatigis nin kun la distrikto de KRETINGA. Ni vizitis la Muzeon de Ŝtonoj kaj lignan preĝejon, kiu estis farita sen unu najlo.**

**Fine de la kongreso okazis granda artfajraĵo de la tegmento de la kulturdomo.**

**Ni povis ĝui tre agrablan semajnon en kristana etoso en tre bela lando.**

*Pavol PETRÍK*

*Li kredas al amo. Li displektas historion de famaj geamantoj. Pro ili li veturas kelkcent kilometrojn inter ĉefurboj de du ŝtatoj. Atestantoj pri liaj klopodoj estas miloj da spektantoj.*

## „EN AMO MI ESTAS MALBONA TAKTIKULO“

Ĉu vi kredas pri amo je la unua ekvido?

Mi kredas. Pli grave ja estas, ĉu mi kredas pri ĝia daŭro, por ke ĝi povu fariĝi 'sorta'.

Kiel vi difinus la kooperacion de decidigaj momentoj?

Mi ne povas respondece respondi al tio. En la literaturo oni ofte kulpigas pri tio la sorton. En la amo estas ĉiuj demandoj simplaj. Nur la respondoj estas malfacilaj.

Via edzino, dancistino, estas kombinaĵo de eleganteco kaj temperamento.

Tuta mia vivo estas dancpargeto. Foje mi dancas kun mia profesio, foje kun mia respondeco. En danco estas grava la ĝojo el la moviĝo. Danco nin ĝojigas malgraŭ tio, ke tio estas eksterordinara ago.

Danco, tio ja estas erotiko.

Certe jes. Ĉe la birdo urogalo la danco estas neevitebleco.

Kiel diferencas la ĝuo kaj la amo?

Estas agrable, kiam amo kreas ĝuon, iomete pli ordinare estas, kiam ĝuo kondukas al amo. Ili ne ĉiam devas kompletigi unu la alian.

Ĉu vi konsentas, ke la amo estas ĥemio?

Estos ĉi-tie iom da vero. Mia onklo estas fitopatologisto, do mi scias, kio estas feromonoj, feromonaj ligaĵoj kaj senpoveco kontraŭstari tiun fakton. Ĝi funkcias ĉe ĉiuj animaloj. En certa mezuro ni estas ludiloj de iaj fortoj, kiujn ni ankoraŭ ne sukcesis precize difini. Sed la dua signalsistemo nin tamen movigas al alia nivelo, ĉu ni intencas, aŭ ne, ni kontraŭstaras feromonojn helpe de nia sperto. Mi ne ŝatus akcepti fakton, ke tuta mia animeco, direktita al la alia sekso, estas rezulto de agado de iaj acidoj.

*„La amo estas bovaĉeco, senigas homon de lia volo“* - diras verkisto L. KLÍMA.

Merkucio en *Romeo kaj Julia* ankaŭ diras, ke la *„amo estas salivanta idioto, vaganta tra la mondo kaj serĉanta breĉeton, en kiun ĝi ŝovus sian duriĝintan sceptron“*. Se iu eniĝas en tian ideon pri amo, verŝajne havas por tio sian personan kialon - malfeliĉan sperton. Pardonu, sed laŭ mia opinio tio estas deformaĵo. Multajn aferojn ni mortigas per tio, ke ni ilin nomas. Mi ŝatas la prezencon de certa mistereco kaj ne-nomigo de fenomenoj. Mi vivas tiel pli estiminde.

Ĉu vi kultivas sekretojn?

Ne - eldiritaĵoj havas ege grandan erotikan forton. La plej altnivela komunikado estas la kapablo kune silenti. Tia silento ja havas enhavon.

Ĉu vi ŝatas noblecon en amo?

Jes, mi ne ŝatus senigi amon de tiu dimensio. Mi ne pensas, ke mi devus honti pro tio. Prefere, mi pensas, ke ni devas kultivi noblecon.

Ĉu vi kredas, ke por ĉiu unuopulo ekzistas en la mondo lia ideala partnero, lia dua duono?

Jes, ekzistas. Nur ne ekzistas certeco, ĉu ili trovos unu la alian.

Kaj la eraroj de juneco?

Ĉiu aĝo elektas sian propran aspekton. Malfacile estas ĝuste pritaksi, kiu amo estas pli komplika aŭ pli valora. Se iu estas kapabla pro sia amo morti, kiel tion faris Romeo kaj Julia, tiam ni ne povas konsideri, ke ilia rilato estis malprofunda... Ofte ni pli-aĝuloj ĉe la prijuĝado de agoj de junaj homoj montras pli da pubertuleco kaj malsentemo, ol tiuj per ni primokataj pubertuloj.

**Ĉu estas racie morti pro amo?**

Mi estas singardema ĉe taksado, kio estas racie. Super la racieco estas la saĝeco. La decido de Romeo kaj Julia estis saĝa. En la amo estas multaj aferoj ne-nomeblaj. Knabo transformiĝas je viro per tio, ke li ion perdas kaj devas konformiĝi pri tio. Li devas



tion travivi. Se li ne sukcesus, li enfalus en membedaŭron kaj li fariĝus „doloreskulo”. Tutan vivon li per tio molestus sin mem, kaj sian ĉirkaŭaĵon. Tiun malbonan econ de viroj kondamnis jam DOSTOJEVSKIJ. Viro neniam kapablas pli malplaĉiĝi, ol antaŭ virino, kiu estas por li tre grava (grandsignifa). Kiam viro klopodas konduti plaĉe, jam kondutas stulte. Dependas de la inteligenteco de virino, ĉu ŝi kapablas ordigi la aferon. Se la reciproka ĝeneco de homoj ilin disigas, estas en ordo. Sed se ilin pliproksimigas, tio pliprofundigas ilian rilaton.

**Ĉu vi tion trovis en literaturo, aŭ en la vivo?**

En la literaturo ni kapablas trovi nur tion, kion ni jam trovis en la vivo. Ĉiun tekston ni legas tra nia propra sperto.

Enamiĝi eblas diversmaniere. Ekzemple tra admiro, kio estas danĝera, ĉar estas nur konsekvenco de miraĝo, kiu rapide forvaporiĝas. Amo povas estiĝi ankaŭ el trompiĝo. Se en tiu momento iu renkontas same trompiĝintan partneron, ili reciproke sin helpas jam per tio, ke ili kunestas. Povas tiel estiĝi belega rilato de certeco.

En nia klopodo helpi troviĝas danĝero, ke ni multon pridomaĝos. Povas ekzisti situacioj, kiam pleje gravas elteni - ne helpi. Per tio, ke ni klopodas helpi, eble ni subtaksas nian partneron. Ekzemple: eble vi preferus bicikladi mem anstataŭ via infano, kiu havas ankoraŭ problemojn kun ekvilibro.

**Kiel aktoro vi kapablas rimarki sur la scenejo falsan tonon. Ĉu ankaŭ en la reala vivo?**

Percepti falsan tonon ne estas tiome komplika afero. Malpli bone estas, kiam vi scias, ke la enhavo, kiun alportas ia falsa formo, estas sincera. Ekestas paradoksa situacio: se mi distingas sinceran enhavon en falsa formo, mi devus esti kapabla toleri tiun formon.

*Mallongigitan intervjuon, aperigitan en MOMENT n-ro 31,*
*de ĵurnalistino Mária JENČÍKOVÁ kun slovaka aktoro kaj reĝisoro Martin HUBA,*
*kiu antaŭnelonge el praga kastelo alportis al BRATISLAVA famekonatan teatraĵon* Romeo kaj Julia,
*esperantigis Teodor ANDREAS, KOŠICE*

## JÁN SMREK: KONE

Hľa, pyšný človek,
tvorstva koruna,
díva sa na kone a závidí.
Čo závidí im?
Oblačne hrdý postoj a gesto slobody.

Nemôžeš koňa sputnať ako človeka,
keď jemu zubadlo dáš, nič si
nevykonal,
on do skonania voľným ostane,
bo prv než inakším sa stal,
už zahynul, už skonal.

Tak ťažko hovoriť o človeku,
ktorý je stvorený na obraz Boží.
Prečo len on, a prečo nie kôň?
Či nebije v nich jedno srdce hrdinské,
ibaže skryté v rôznej koži?

Už tisíce rokov dívali sme sa,
jak kôň a človek spolu hynuli
a človek pritom plakal, koník mlčal,
nedali ich však do jedného hrobu,
človeka uctili a koňa opľuli.

Ale ja schytil by som konskú šiju
a plakal jak na milenkinej hrudi.
Kto mi dnes tému dá pre poéziu,
jestli nie kôň, to čisté krásne zviera,
ktorého vznešenosti ťažko sa nájde
rovno v radoch ľudí.

Kôň zaerdží a na tom záleží,
či plače z radosti, či plače pre tú
guľku,
čo sa mu vryla v hruď.
Bo hlava konská vždy k oblakom sa
dvíha
a nikdy nerozoznáš,
či vzýva život a či vzýva smrť.

## JÁN SMREK: ĈEVALOJ

Jen, fiera homo,
de l'homar' la krono,
rigardas ĉevalojn kaj envias.
Kion la homo al ili envii scias?
Ilian nubsimilan pozon de fiereco
kaj la geston de libereco.

Oni ne povas kateni ĉevalon
tiel, kiel oni povas la homon.
Donante al ĝi enbuŝaĵon nenion oni
faros,
ĝis ĝia morto ĝi libera persistos,
ĉar pli frue ol ĝi alia fariĝis,
jam pereis ĝi, al morto foriris.

Malfacile estas por mi paroli pri homo
havanta sian koron kiel Dia domo.
Kial nur li, kaj kial ne ĉevalo?
Ĉu ne batis en ambaŭ la samheroa koro,
nur kaŝita en haŭto el diversa sorto?

Jam mil jarojn ni rigardis,
kiel ĉevalo kun homo kune pereis
kaj dume la homo estis ploranta,
la ĉevalo nur silentis - mute restanta.
Oni ilin ja ne donis en komunan
tombon:
homon oni honoris, prikraĉis ĉevalon.

Sed senpere mi ekkaptus nukon de
ĉevalo,
kiel ĉe amatin' mi plorus en ĝia hararo.
Kiu al mi donos temon por poezio?
Ĉu kia ajn besto, ĉu eĉ la bestio?
Ne! Nure la ĉevalo - pura, havanta
belecon.
Aliaj kreaĵoj ne havas tian majestecon...

La ĉevalo ekhenos. Kaj de tio dependas,
ĉu ĝi pro la ĝojo, ĉu pro kuglo blekas,
kiu enfosiĝis en bruston ĝian.
La ĉevalo al nuboj levas kapon ĉiam,
sed oni neniam distingi povas,
ĉu ĝi la vivon, ĉu morton adoras.

*Esperantigis: Tibor KEPENCAY*

## KAŜITA SERVO

**Unu hinda akvoportisto posedis du grandajn sitelojn. Ili pendis ambaŭflanke sur la pintoj de la bastono, kiun li tenis sur siaj ŝultroj. Unu sitelo estis breĉita, la dua estis perfekta. La dua eĉ post longa vojo de la fonto ĝis la hejmo estis ĉiam plena da akvo, sed la difektita sitelo estis plena apenaŭ ĝis duono.**

**Du jarojn tago-tage ripetiĝis la sama situacio. La portisto plenigis per la akvo du ujojn, sed hejmen li alportis nur unu kaj duonon de la akvo.**

**La perfekta ujo estis memkompreneble fiera, ke ĝi kapablas plenigi la celon, por kiu ĝi estas farita. Sed la difektita ujo sentis sin hontigita pro sia neperfekteco, ĉar ĝi plenumadis nur duonon de sia tasko.**

**Post du jaroj, kiam ĝi sentis tion kiel malsukceson, ĝi alparolis ĉe la fonto la portiston.** ***„Mi hontas antaŭ mi mem kaj mi volas vin pardonpeti. Eĉ kontraŭ mia klopodo hejmen mi alportas ĉiam nur duonon de la akvo. La breĉo sur mia flanko kaŭzas, ke la akvo dum la vojo elfluas. Mi bedaŭras, ke per ĉiu mia peno vi neniam atingas meritItan rezulton."***



**La portisto diris al ĝi:** ***„Ĉu vi ne rimarkis, ke apud via flanko de la vojo kreskas floroj kaj apud la dua flanko ne? Mi jam antaŭlonge rimarkis, ke la akvo de vi forfluas. Tial mi disĵetis tien la semojn de la floroj kaj vi ilin dumvoje ĉiam akvumadas. Jam du jarojn mi ornamadas kun la floroj mian tablon. Sen tiu-ĉi difekto mi neniam havus en mia domo tiom da beleco."***

**Ni ĉiuj estas neperfektaj ujoj. Preskaŭ neniu estas sen gratvundoj, sen la breĉoj. Ofte ĝuste tiuj diferencoj kaj homaj malfortecoj kaŭzas, ke nia kunvivo estas pli interesa, ke nia vivo estas pli valora. Kondamnu ni neniun, se li ne estas laŭ ĝenerala modelo aŭ laŭ niaj imagoj. Ni deziru al ĉiu esti alia.**

*Laŭ malnova hinda rakonto esperantigis MaTo*



**Magda ŠATUROVÁ - František ŠATURA: ESPERANTO PRE KAŽDÉHO**

**Vydavateľstvo ESPERO, Partizánske 2004**

**204 paĝoj**



Antaŭ nelonge aperis en la eldonejo ESPERO nova lernolibro de Esperanto ESPERANTO PRE KAŽDÉHO (Esperanto por ĉiu), kies aŭtoroj estas Magda ŠATUROVÁ kaj František ŠATURA. Ili ĝin preparis dum pluraj jaroj daŭre modernigante kaj aktualigante ĝian enhavon. Ĝi prezentas Esperanton al la larĝa publiko kiel vivantan modernan kaj efikan komunikilon.

La lernolibro prezentas la fundamenton de Esperanto en 20 lecionoj. Poste sekvas ĉapitro *Legaĵoj* kun interesaj temoj kaj fragmentoj el literaturo kaj Biblio. Enestas ankaŭ fragmento de la parolado de L. L. ZAMENHOF dum la unua kongreso en BULONJO SUR MARO. Ne mankas ankaŭ *Skeleto de la Gramatiko*, ŝlosilo al traduk-ekzercoj kaj Esperanto-slovaka kaj slovaka-Esperanta vortaroj.

La strukturo de unuopaj lecionoj estas bone pripensita kaj ĝi celas rapidan alproprigon de tiu ĉi internacia lingvo komplete. Ĉiu leciono komenciĝas per facila teksto aŭ dialogo, post kiu sekvas la nova vortprovizo. Plue sekvas gramatiko kaj ekzercoj, respondoj je donitaj demandoj, tradukoj kaj pluraj lingvaj ekzercoj.

Jen la lernolibro, je kiu ni longe atendis, kiun volonte studos ĉiu homo serioze interesiĝanta pri Esperanto.

*Edita CHRENKOVÁ*

*Slovaklingvan recenzon el* Učiteľské noviny *n-ro 17 el la 22-a de aprilo 2004 esperantigis Alica KOMLÓŠI*

Okaze de la ILEI-konferenco aperis en la sama eldonejo ESPERO la dua kompletigita eldono de

***Skizo de la Esperanto-literaturo* de Eduard V. TVAROŽEK.**

*Abonebleco ĉe*
***ESO, Rovníková 6, 821 02 BRATISLAVA.***





*Esperanto-klubo Žilina kore invitas vin al ek de la jaro 1996 jam tradicia turisma renkontiĝo*

## ORA ESPERANTA TURISMA AŬTUNO

kiu okazos
dum la tagoj 1-a ĝis la 3-a de oktobro 2004
en la montaro ROHÁČE (Okcidentaj Tatroj).

La loĝado estas certigita en BRESTOVÁ en la estintaj kabanoj de Žilinaa universitato.

Programo: *Vendredo:* akceptado de gastoj (de 16.00), informo pri la ekskursoj, komuna babilado. *Sabato:* turismaj ekskursoj: *grupo A:* Adamcuľa - estinta kabano de Ťatliak - montopasejo Zábraď - Rákoň (1 876 m) - Volovec (2 063 m) - montopinto Ostrý Roháč (2 087 m) - Plačlivé (2 125 m) - Smutné sedlo - Tri kopy - Hrubá kopa - Baníkov (2 178 m) - montpasejo Baníkov - Spálená - Adamcuľa; *grupo B:* Adamcuľa - estinta kabano de Ťatliak - Smutná dolina - Smutné sedlo - Tri kopy - Hrubá kopa - Baníkov (2 178 m) - montpasejo Baníkov - Spálená - Adamcuľa. *Dimanĉo:* turismaj ekskursoj: *grupo A:* kabano Zverovka - montopinto Brestová (1 902 m) - montpasejo Pálenica - Sivý vrch (1 805 m) - Biela skala (1 316 m) - montpasejo Huty; *grupo B:* montpasejo Huty - Biela skala - Sivý vrch (1 805 m) kaj reen.

Prezoj: manĝaĵo: 2 x 155 Sk, tranokto: cca 2 x 175 Sk.

*Kontakto: Juraj GONDŽÚR, Levočská 3, 010 08 ŽILINA*
*poŝtelefono: 0903/552-152, retpoŝta adreso: <gondzur@urap.sk>*

## INTERNACIA CSEH-KURSO EN LA AŬSTRIA NACIA BIBLIOTEKO



Kadre de la Esperanto-simpozio, kiu okazos la 8-an kaj 9-an de oktobro 2004 en la Aŭstria Nacia Biblioteko, VIENO, disvolviĝos ankaŭ Internacia Cseh-kurso, gvidata de Atilio ORELLANA ROJAS. La aranĝon de tiu kurso subtenas la Internacia Esperanto-Instituto, HAGO.

La kurso estas por tutkomencantoj. Povas patropreni ĉiu - sendepende de aĝo kaj gepatra lingvo. Temas pri la tiel nomata rekta metodo, kiu peras la necesajn konojn plaĉe kaj amuze, sen troa lernostreĉo.

*Kursohoroj:* vendrede, la 8-an de oktobro: 14 - 17 h; sabate, la 9-an de oktobro: 10 - 12 h; 13 - 17 h. *Kostoj:* 40 eŭroj, kun rabato 25 eŭroj (por lernantoj, studentoj…)

Pliaj informoj ĉe Herbert MAYER, <*plansprachen@onb.ac.at*>.

*Helga FARUKUOYE*

*hejmpaĝo kun la elektronika katalogo TROVANTO: <http://www.onb.ac.at/sammlungen/plansprachen/index.htm>*

*kompilitaj de Vlado NĚMEC*
*por la lingva konkurso dum la 42-a **I**nternacia **F**ervojista **E**-**S**kisemajno*
*okazinta en TATRANSKÁ LOMNICA en januaro 2001*

Bonvolu respondi la demandojn almetante kelkajn literojn antaŭ la aliel skribita vorto. Ekzemplo: Kiu **libro** pezas plej malmulte? *Ko***libro***.*

Kiu **loto** balanciĝas en la aero?
Kiu **oro** povas paroli?
Kiu **piro** lumas dumnokte?
Kiu **ripo** kaŭzas malbonan sanstaton?
Kiu **strofo** enhavas nur unu signon?
Kiu **tero** devenas de bestoj?
Pri kiu **oro** revas ĉiu belulino?
Kiu **tono** ne havas noton?
Kiu **ano** estas manĝebla?
Kiu **tero** povas esti sendita per poŝto?
Kiu **ano** estas bonega fritita?
Per kiu **kato** oni povis pagi?
Kiu **oro** ne plaĉas al la homoj?
Pri kiu **amanto** revas virinoj?
Kiu **ano** estas manĝata de diplomatoj?
Kiu **jako** vintre plej varmigas?
Kiu **oro** odoras?
Kiu **ario** estas malseka?
Kia **tero** estas plej ŝanĝema?
Kiu **kurso** estas la plej ŝatata?
Kia **selo** estas aldonata al supo?
Kiu **arbo** kreskas sur la haŭto?
Kiu **ajlo** ne estas digestebla?
Kiu **amo** ne estas dolĉa?
Kiu **aĝo** neniam utilas?
Kiu **ankro** ne havas ĉenon?
Kiu **ario** ne estas agrabla?
Kiun **benon** bezonas ŝu-kudristino?
Kiu **estro** ne havas subulojn?
Kiu **falko** neniam flugas?

H I H I H

Ĝustan solvon de la enigmo el la n-ro 2/2004 'VARBU AL ESPERANTISTO SLOVAKA' sendis al ni Helena MAUDROVÁ, PRAHA, CZ, Karl NIMMRICHTER, BISCHOFSWERDA, DE kaj Mária TOMAŠOVIČOVÁ, NOVÉ MESTO N/VÁHOM.

H I H I H

@ Mi kore dankas por *ESPERANTISTO SLOVAKA* 1-4/2003. Ĝi ege ĝojigis min kaj mi tralegis ĝin tuta de A ĝis Z. Mi estas post terura traŭmo. Al mi helpas bonegaj artikoloj en ĝi. Mi sincere dankas kaj gratulas por la eminentaj numeroj. Sed nun mi havas novan ĝojon, ĉar mi ricevis novan *ESPERANTISTON SLOVAKAN* 2/2004. Ĝi estas same bonega. Mi al ĉiu kore gratulas kaj deziras sukcesojn. Saluton!

*Mária WERTLENOVÁ, PODUNAJSKÉ BISKUPICE*

@ Miaopinie *ESPERANTISTO SLOVAKA* estas tre bona kaj valora gazeto, ĉar ĝi enhavas ne nur utilajn informojn pri la esperantistaj aktivecoj en Slovakio, sed ankaŭ literaturan humurplenan enmetaĵon, kiun valoras legi kaj relegi por plibonigi onian humoron. Gratulon por la riĉenhava gazeto!

